# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — DUA JARO — 5—6

ĈEFREDAKTORO: KOLOMANO KALOCSAY
REDAKTA KOMITATO: FERENC SZILÁGYI, LUDOVIKO TÁRKONY, GASTON WARINGHIEN
ĈEF KUNLABORANTO: JULIO BAGHY



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII. RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I.* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |
| Kalocsay—Baghy: | Bind. | Broŝ. |
| *ARĜENTA DUOPO,* jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOĴUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via librista.

# LA TAGLIBRO DE ALEKSANDRO ZOFFANY

RETO ROSSETTI

**Antaŭparolo de Eugeno Giplin, profesoro pri geografio.**

Mi neniam estis kredanto je aŭguroj kaj vesignoj, tamen kiam en tiu morna januara mateno mia filo Mateo enkuris al mi kun la sciigo, ke mortinta kanario kuŝas sub la prunarbo en nia ĝardeno, mi ial eksentis, ke la okazo ne estas bagatela. Mi leviĝis de la tablo kaj sekvis la knabon al la malgranda, enmurita horto en al ĝardeno, kaj tie sur la prujna herbo restis la ĉifita korpeto de la malgranda kantisto. Dua rigardo ne necesis: bruna plumtufo en la kapo tuj atestis, ke tio estas la kanario de mia amiko kaj kolego Zoffany. Malbona antaŭsento ekregis min, kaj post rapida ĝis-saluto al la edzino mi direktis min al la loĝejo de mia kolego.

Alveninte al la alta, pseŭdorenesanca konstruaĵo en la Hegel-strato, mi levis la okulojn al la dua etaĝo kaj vidis, kiel mi estis timinta, ion neordinaran. El la aperta fenestro flirtis la baskoj de la apenaŭ disŝovitaj kurtenoj. Mi ekkonsciis, ke policano staras apude kaj ankaŭ li rigardas la fenestron. Mi petis lin akompani min kaj ni ambaŭ supreniris.

En la pordo de Zoffany sidis ankoraŭ la matenjurnalo, duone trapuŝita tra la leterklapo. Mi sonorigis. Nenio okazis. Mi provis la anson: la pordo estis ŝlosita. Jam tute maltrankvila, mi petis la policanon gardostari dum mi venigas la pordiston. Ĉi tiu malfermis la pordon kaj ni enpaŝis en la malhelan vestiblon. Tuj la odoro de kuirgaso nin renkontis. Ni rapidis en la kuirejon, por trovi tie al efektiviĝon de niaj plej malbonaj supozoj.

Sur la planko de la malvasta kuirejo kuŝis la korpo de Aleksandro Zoffany. Li estis vestita per pijamo kaj nokta surtuto. Liaj krispaj, rufaj haroj malorde nimbis lian kapon; la vizaĝo, ankoraŭ juneca malgraŭ liaj kvardek jaroj, kuŝis en rilaksa trankvilo, kaj la lentugoj ĉe la frunto kaj tempioj makulis strange la vakse klaran haŭton. Lia gracila gorĝo kun la elstara adampomo estis fleksita flanken, kaj en tiu momento de ekrigardo mi rimarkis, per ia mekanika hipnoto, ke mankas la supra butono de lia piĵamo ĉe la kolo, kie pendis ankoraŭ la vosto de la ŝiriĝinta fadeno. En la posta momento mi tuj saltis fermi ĉiujn gaskranojn, dum la policano rapide esploris la korpon. „Mortinta", li konstatis, „verŝajne de ne tre longe. La mortrigido ankoraŭ ne komenciĝis".

Okazas ofte, ke tragedio, en la momento kiam ni ekkonas ĝin, malmulte nin tuŝas, ni sentas nin kontraŭ ĝi strange sensentaj; nur kelkan tempon poste ĝi tuŝegas nin per sia plena forto. Tiel estis al mi ankaŭ nun. Dum la policano esploris plue la korpon kaj protokolis, kaj la pordisto rapide malfermis ĉiujn fenestrojn, mi forvagis al la sidoĉambro kaj ĉirkaŭrigardis. Apud la fenestro pendis la malplena kanaria kaĝo kun la senferma pordeto. Sur la tablo — kafokruĉo, uzita taso, amaso da elfumitaj cigaredoj — kaj ia kajero. Sub momenta impulso mi enpoŝigis la libron.

La policano, petinte la kuratoron telefoni al la policejo, nun turnis sin al mi kun formalaj demandoj pri tio: kiu estas la mortinto, ĉu mi povas konjekti kiakaŭze li volis fari finon al sia vivo ktp? Mi respondis ke Aleksandro Zoffany, mia kolego, estis profesoro pri muziko ĉe la urba gimnazio, ke li estis fraŭlo, kaj ke mi neniam rimarkis ion, kio aludus la kaŭzon de lia terura decido.

Reveninte hejmen kaj komunikinte al mia edzino la fatalan sciigon, mi retiriĝis en mian kabineton por pririgardi la forprenitan kajeron. Tio estis efektive la taglibro de mia kolego ĝis la tago de lia morto.

Kompatinda Zoffany! Kiu povus supozi, ke sub tiu kvieta, neaplomba ekstero sin kaŝis la aŭtoro de tiu stranga, turmenta taglibro? Kaj kian konsternan malĝojon alportis la konstato, ke mi, kiu estis deklarinta al la polico, ke mi per nenio konjektetas la kaŭzon de lia tragedio — ĝuste mi, per senpripensa, klaĉa rimarketo, ekirigis lin sur la vojon de l' fatalo!

Sed jen mi prezentas tuj la taglibron de Aleksandro Zoffany, por ke la leganto povu

mem juĝi pri tiu morne ekscentra dokumento.

**La taglibro.**

Dimanĉo, en Okt., 19...

Dum mi promenis hodiaŭ kun kolego Gilpin, ni preterpasis junulinon, kiu iris kun knabo samaĝa. Ŝi estas lernantino mia. Gilpin diris kun rideto: „Oni diras, ke ŝi estas tre fervora kun la knaboj". Stranga maltrankvilo min kaptis, rigardante ŝian belecon kaj maturan formon. Mezaĝa malsaĝeco? Mi ne povis min regi...

Poste mi eliris el la domo kaj per hazarda trafo renkontis ŝin irantan al preĝejo. Mi akompanis ŝin ĝis tie, konversante. Kaj dume trabatis mian kapon la versoj —

Ĉe mia flank' vi iras, babilas vi naive,
Knabino dolĉe stulta, kaj vi eĉ ne konjektas,
Ke tranĉas mian koron sopiro sangsoife!

He, maljuneta korpo, kian absurdon vi revas? Ŝiaj pensoj ja cirkulas en ŝia propra generacio.

5-a de Oktobro.

Ŝi estas la plej inteligenta el miaj lernantinoj kaj la plej kapabla en la muziko. Hodiaŭ ŝi postrestis por sciigi min pri sia aliĝo al vespera kurso de muzik-prelegoj en la urba muzeo. Kiel ŝi, gimnazia knabino, povas disponi tempon por tia kromstudo? Ĉu tia eksternormala ŝato por mia fako estus subtila komplimento por mi? Ŝi babilis ankaŭ pri la dramoj de O'Neill. Denove ŝatata temo mia...

19-a de Oktobro.

Ĉi tiun Hildan mi hodiaŭ sendis al kolego Lorand por prunti poemaron. Poste li demandis min: „Kiu estas tiu knabino, kiun vi sendis al mi? Mi opiniis ŝin vizitanta sinjorino! Vere belaspekta, pompa figuro... La rektoro ekvidis ŝin dumpase kaj rimarkis al mi, entuziasme kaj ŝerce: „Jen tre bela junulinfiguro, se licas al lernejestro tion diri!"

Ĉi tiuj konstatoj de miaj dignaj kolegoj strange ŝancelas min kaj donas akcelon al miaj mis-gravitantaj pensoj...

12-a de Novembro.

Ŝi forestis de la lernejo dum du semajnoj, ĉar ŝi glitfalis kaj vundis la genuon. Post reveno ŝi portis la bandaĝon ankoraŭ kelkan tempon; poste, kiam ŝi ĝin formetis, postrestante por min demandi pri io, ŝi montris al mi, kiel la genuo cikatriĝas.

Ĉu mi konjektu laŭ signoj? Gardu vin, gardu vin, sentimentala fraŭlo-profesoro, kaj malfidu la atestojn, kiuj kvazaŭ montras laŭ via sopiro. Vi estas tro tendenca interpretanto, ĉio ĉi povas signifi nenion.

Post la foriro de ŝia klaso hodiaŭ mi trovis en ŝia pupitro postlasitan paron da gantoj. Mi metis ilin en mian tekon, pensante liveri ilin al ŝi hejme: ŝi ja loĝas proksime al mi, en la Kolibro-strato. Sed mi preterpasis ŝian domon sen vizito.

Kio fariĝas al mi? Mi neniam, dum mia 20-jara kariero, suspektis, ke mia ekvilibro estas tiel malstabila. Sensencaĵo! Mi devas min ekregi.

13-a de Novembro.

Hodiaŭ, la postan matenon, ŝi venis al mia ĉambro demandante pri siaj gantoj kaj volante redoni libron pri Grieg, kiun ŝi erare forprenis! Ho spirito de Freud, kiel mi interpretu tion ĉi? Ŝi postlasis siajn gantojn — ĉu simile, kiel la sinjorinoj de iama tempo lasadis fali la poŝtukon? — aŭ ĉu nekonscie, indikante la deziron reveni al la loko? Ŝi forprenis la Grieg-libron — kial? — ĉu nekonscie, kiel ion asociitan kun mi? Mi sentas min denove perturbita. Mi estas sufiĉe aĝa por kompreni la absurdecon de miaj pensoj kaj la danĝeran vojon, kien ili kondukas, sed la malsaĝa romantiko min tordas.

20-a de Novembro.

Hodiaŭ 3 aliaj knabinoj el la supra klaso venis enketante pri objektoj postlasitaj. Tio neniam antaŭe okazis en tiu klaso. Inter la tri estis Johana, kiu, simile al Hilda, estas tre maturkorpa kaj ankaŭ vive interesata pri mia fako. Ŝi postlasis sian fontplumon. Ankaŭ ĉi tiu knabino postrestis du-trifoje por demandi min pri io. Ŝia rigardo estas kuraĝa kaj kvazaŭ kaŝe arda. Tamen kun ŝi nenio estas riskinda. Ŝi ŝajnas volupta kaj perfida.

Mi relegis, kion mi jus skribis kun sento de ŝoko kaj fremdeco.

Ĉu tiu triviala menso estas mi? „Ĉu povas mi min tiel malsimili...?" Mi sentas, ke fremda monstro sin nutras en mi...

26-a de Novembro.

Hodiaŭ mi detenis Hildan kaj invitis ŝin al mi por aŭskulti gramofondiskojn de Chopin.

## POST DIMANĈA PLUVEGO

L. Tárkony

Forpasis la tempesto...
La fulmoj ne timigas jam per sia falva fajro,
kaj eksilentis ankaŭ la dur-bata frap' de hajlo.

Mi iras al fenestro
kaj ĝin malfermas vaste,
kliniĝas el sufoka sol' de mia ĉambr' ermita,
kaj ekspirante haste
mi sorbas el postpluva freŝ' per brusto larĝigita.

Super la strat' senviva feste
elforĉas posttempeste
el nub' ŝirita, kuproranda
la tarda suno de la tag' mortanta.

Mi pensas pri vi, kara,
kiun disigas de mi la forbara
envia malproksimo...
Nun eble eksonoris ortrile la rukuloj
de via rid' en rondo de gajaj gejunuloj —
ĉu do en via animo
nun pri mi ekmoviĝas trafulmetanta imago?

Krepuskas la tago...
Trans ŝtonoj de la urbo, sur kampoj pluvo-brilaj
frostotremetas floroj kaj herbetoj fragilaj
(en foro, ie, frapas paŝado ŝtale tinta
de la Forpaso),
super la domtegmentoj, sur malhelblua atlaso
de la ĉielo klariĝinta
aperas jam la steloj...

Mi pensas pri l' maltrankviligaj beloj
de via elasta juno,
sur mia lip' dolora tremo vibras,
en mian koron kribras
venenon sian fridan la embuskanta aŭtuno.

## MIA LITO

L. Tárkony

Laŭ via koketa invito
mi kaŝas min
en via varma sin',
ho mia lito!

Neĝflokoj faladas ekstere,
popolo senvoĉa, diligenta,
la murojn de mia ĉambro aŭstere
pugnas la frosto kun furiozo silenta.

Sed ŝirmata
de via sino vata
mi kuŝas, vi defendas min dorlote,
la mol'komforta,
ritmo risorta
en pigrajn revojn lulas min narkote.

Ho fero,
pli daŭra ol karno,
se l' tero
en trista malvarmo
min brakumos per sia brak' rigida,
kiun varmigos via sin' perfida?

## FRUAMARTO, POSTTAGMEZE

L. Tárkony

Sur la voj' de Virgulino arboj sin etendas streĉe,
post la longa vintrodormo siajn frostajn membrojn [provas,
eĉ la villoj oscedadas, palpebrumas jam subneĝe,
pajn' Naturo faros ordon, ekbalaas, ĉion movas.

Ian ŝanĝon oni sentas en la gusto de l'aero,
lasta mord' ankoraŭ pinĉas de la Vintro [duonmorta,
sed moligas ĝiajn dentojn pormomenta ekdegelo,
heroldeto de la posta karesado ĝojoporta.

La okuloj la pejzaĝon trinkas kvazaŭ por gustumo,
kaj la pulmoj vastiĝantaj glutas, glutas la ozonon,
ho, se nun mi ekradikus, sorbi vian sukon, humo,
kaj triumfe levi mian burĝonantan branĉokronon
al ĝermiga suno-lumo...

---

Mi pensis: se ŝi akceptos, ŝi scios, kien tio celas. — Ŝi jesis.

27-a de Novembro.

Ŝi alvenis je la 7-a horo kaj montris nenian miron, ke forestas mia fratino Noemi. Ni aŭskultis kelke da pecoj kaj babilis pri tio kaj tio. Fine ŝi leviĝis por foriri. Mi alpaŝis al ŝi kaj diris: Mi estas faronta ion tre neprudentan, — kaj mi kliniĝis kaj kisis ŝin.

Ŝin allasis senreziste, kvazaŭ apatie. Tiu nula reago lasis min momente sen konsilo. Por ĉi tiu aperta paŝo mi estis decidinta min surde, kun bategante koro. Mi disiĝis de ŝi kaj okulstreĉe ŝin rigardis. Ŝi aspektis ebure pala, la okuloj forrigardis supren, kvazaŭ tiuj de somnambulo. Poste ŝiaj nazo-aloj ek-

tikis, sia rigardo lante sin turnis sur min vake, kvazaŭ ankoraŭ ne vidante min, kaj ŝi diris mallaŭte: „Kial — vi faris — tion?"

Mi diris: „Car mi estimas vian inteligenton kaj vian personon." Tuj mia respondo sonis al mi strase. Ŝi malfermis la buŝon, sed nenia vorto eliris. Poste ŝi diris nur: „Donu al mi mian surtuton, mi petas".

La gustumo de ŝiaj eĉ pasivaj lipoj estis ekvipinta mian sangon. Kiam mi helpis al ŝi vesti la surtuton, mi kisis ŝin denove: pli longa kiso. Ŝi pugnigis la manojn, premante ilin sur miajn brakojn, sed ankoraŭ ŝi senarde allasis. Mi demandis, ĉu ŝi revenos? Kviete sed tuj ŝi respondis: Jes, iam ajn. Mi petis ŝin reveni morgaŭ.

Mi ne plu estas mi. Do kio? Ĉu mi estas larvo, kiu krevigas la krizalidon por eniri pli brilan vivon, aŭ ĉu mi estas nur tiu sama, kompatinda Zoffany sub malsana halucino?

28-a de Novembro.

Ŝi revenis por mallonga vizito, ĉar ŝi havas hodiaŭ multe da hejmstudo. La kelkaj kisoj, kiujn ni interŝanĝis, estis jam pli varmaj de ŝia flanko, tamen ni paroladis dum la pliparto de la tempo. Mi vere tre kare estimas ŝin, kaj mi admonis ŝin kontraŭ ĉi tiu fatalriska rilatiĝo. (Mi ankaŭ deadmonis min mem: se la skandalo krevus, ĝi ruinigus min.) Tamen senhezite, per trankvila voĉo, ŝi akceptis novan rendevuon.

Ŝi diris, ke hieraŭ ŝi tute ne konjektis, al kio mi celas, kaj la kiso nete surprizis ŝin. Ĉiam ŝi rigardis min nur kiel sian profesoron. La penso pri persona interesiĝo estas tiel stranga, ke ŝi devas al ĝi kutimiĝadi. Tiu eldiro, kiu kontraŭdiris mian tutan konjektadon pri ŝi, dolore min mistifikis. Mi ne sciis, kiel pri ĝi pensi.

Ke ŝi ne divenis mian personan interesiĝon, tio estas *preskaŭ* kredebla laŭ la malvarme aparta rango, kiun la popolo atribuas al la profesoraro. Aliflanke la diversaj indikoj, kiujn ŝi donis pri ia aparta interesiĝo koncerne min, kaj mia tre amika rilatado al ŝi, faras ŝian „surpriziĝon" dube kredebla. Kion pensi? Ve, mi estas tro neorientita pri la menso virina!

Turmenta febro eniras mian sangon.

30-a de Novembro.

Dum du noktoj mi malbone dormis kaj hodiaŭ ŝi aspektas mortalca. Ĉu mi tro agitas ŝiajn nervojn per ĉi tiu ekscentra aventuro? Ŝi ja estas kormalforta pro tro rapida korpa evoluiĝo. Kiel bela ŝi estas! Ŝi aspektas multe pli aĝa, ol nur deksepjara.

Hodiaŭ revenis mia fratino Noemi kun multaj ekscitaj rakontoj pri la kvintaga edziĝa festo, kiun ŝi ĉeestis.

Mi decidas fari finon al la ekstravaganca afero kun Hilda.

12-a de Decembro.

Ĉi-matene mi venigis al mi la tutan supran klason de knabinoj, sub la preteksto difini al ili hejmostudadon, sed efektive nur por subŝovi al Hilda skribeton pri rendevuo ĉi-vespere.

Car la domo jam ne estas libera, ni promenis. Estis malvarma luna nokto, estis do pli facile decidi malvarme pri ĉesigo de nia freneza interrilato. La afero ja ne iras tiel kaŝe, kiel decas: foje ŝi devis diri al la gepatroj, ke ŝi venas viziti ĉe mi — kaj la gepatroj jam volas inviti min kaj la fratinon al tetrinko! Tio estus iom konsterna, ĉar Noemi ankoraŭ ne renkontis Hildan.

Ha, kien tiregas min miajn emocioj ... al intrigoj kaj ŝajnigoj, por kiuj mia ekvilibra memo havas nenian emon aŭ kapablon. Fi! prefere forskui la opiosonĝon kaj reveni al la bonspira mondo de aperta konduto.

Mi ekregis min kaj klarigis al Hilda, ke ni malsaĝe iniciatis kaj mallerte gvidas la aferon; ni prudente konstatu la fiaskon kaj finu.

„Jes", ŝi diris mallaŭte.

Ŝi turnis flanken la kapon kaj la luno per sia arĝenta brilo rosis ŝiajn harojn kaj tuŝis la duone apertajn lipojn.

„Mia kara", mi diris, metante manon sur la gracian ŝultron. „Mi jam estas tro kulpa antaŭ vi. Per mia impulsa malprudento mi fortiras vin al la danĝeroj de malluma aventuro. Ni ĉesu; kaj mi restu al vi danka, ke vi donacis al mi, mezaĝa fraulo-profesoro, kelkajn aromajn momentojn de via juna belo. Tiuj momentoj parfumos por ĉiam la polvan koridoron de mia vivo; via rigardo prilumos ĝiajn grizajn arkadojn, kaj la rememoro pri via voĉo kantos najtingale al mia koro. Al vi mi, mizera, povos alporti nenion. Vi staras

# KANTO PRI LA KALA MANO

VÁCLAV ŠOLC

Ho kala man'! — malmola, ŝtonsimila,
En kiu ja latentas flamo brila,
Vi, kiu jam de post la praepoko
Militojn spitas kvazaŭ firma roko,
En ombro via kampoj floras bele,
Vi nudajn branĉojn levas alĉiele,
Magia verg' de Dio! — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Ekpremi vin mi estas pli inklina
Ol ĝui dolĉon de brakum' knabina;
Dum vi sincere vin al mi prezentas,
Mi sentas, kiel kor' kun kor' identas.
Sed, ĉar simile al standard' milita
Per mil cikatroj estas vi sulkita,
Mi super vi eklarmas. Devas oni,
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Per via peno sovaĝej' arbara
Sanĝata estas je patrujo kara,
Dezerto je ĝardeno florkultura,
Kiun rigardi estas sent' plezura,
Tiel ke la popol' al la Kreanto
Per grandioza ĥora laŭdokanto
Esprimas la dankemon — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Ardigas vi fajrejon familian,
Kie karesas unu kor' alian,
Kie gepatroj, edza par', infanoj
Amfeston festas kun la samgentanoj
Kaj kie floras la trezoro mita
Kaj kie la feliĉo jam perdita
Reakirebla estas — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Al la homaro panon vi havigas,
Flugilojn al animo vi alligas,
Se el abismo de la ter' malhela
Sopiras ĝi al sia hejm' ĉiela,
El floroj, similante la abelon,
Al krudaj homoj portas vi mielon,
Ĝin mem ne gustuminte — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Kiel la granda am-profet' vi estas:
Eĉ la tiranojn vi per silko vestas;
En la palacoj, kiujn vi masonas,
Mizeron vian potencul' ne konas,
Sur vi eĉ reĝaj apogiĝas tronoj
Kaj kvazaŭ roko inter floraj kronoj
Fortike ili staras — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Al Eternulo templojn vi konstruas,
En kies sankta ombro surgenuas,
Por edifiĝi, kredantaro pia
Serĉanta savon en la mond' alia;
Por Muzoj same vi altarojn metas,
Malgraŭ ke nur malofte vi ĝuetas
Ilian brilon klaran — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Nacion mian ankaŭ vi elŝiris
El ungoj ties, kiuj ĝin deziris
Jam entombigi; lukto via brava
Reportis ĝin al taga lumo sava,
Kaj se denove sangas ĝia koro,
Vi milde ĝin kuracas per laboro,
Mem suferante vundojn — devas oni
Al vi, ho kala mano, kison doni!

Malmola man', eterne turmentata,
Se la favora kanto mia frata
Almenaŭ iom estas do kapabla
Glatigi sulkojn per esprim' afabla,
Akceptu ĝin: ĝi estas primoleto,
Kiun sub via ombro la poeto
Elkantis en dezert'. Jes, devas oni
Al vi, malmola mano, kison doni!

(1871.)

El la ĉeha: *Miloš Lukáš.*

freŝe antaŭ la vivo, sed al mi la suno brilas jam sur la dorson. Mi kara, bela knabino, iru kaj estu feliĉa. Hodiaŭ vespere ni disiĝas."

Ŝi ĵetis la manojn sur mian kolon kaj algluis la dolĉan vizaĝon je arda kiso. Mia sango ekmuĝis, mia kapo vertiĝis. Firme mi deprenis ŝiajn manojn de mia kolo, kaj ni revenis senparole al la malnova ponto, kie ni devos disiri.

Hilda haltis kaj forrigardis al la urbaj lumoj, tien, kie pli densa konstelacio signis la situon de la migranta karnavalo.

„Mi ne povas sidi sur karuselo sen vomemo", ŝi diris, kaj trile ekridis.

Mi komprenis. La luna ebrio jam ĉesis, la sorĉo de mia patoso malaperis.

„Brr, kiel malvarme estas!" ŝi rimarkis.

„Jen la disiĝo de niaj vojoj, Hilda", mi diris.

„Jes. Vi prenas la trarekton ĉi tie? Ĝi estas pli kota kaj malluma, ol mia vojo!"

„Sed pli mallonga. Adiaŭ, Hilda", mi diris, kaj premis ŝian manon. „Bonan nokton", ŝi respondis. Ni disiris.

*

Kiam mi revenis hejmen, mi trovis kun Noemi ŝian amikinon Rona, kiu faris surprizan viziton dum vojaĝo. La ekvido de Rona, ŝika virino eble 30-jara, tranĉis subitan mornecon en mian koron. Mi eksentis la absurdon de mia mizera intrigo, la fingron de honto montrantan sur min . . .

La du virinoj estis tre gajaj pro la intervidiĝo, iliaj okuloj brilis kaj la langoj klaketis senĉese. Tiel feliĉa estis Noemi, ke ŝi tute forgesis interesiĝi pri mia ĵusa forestado. Tio estis nekutima. De kelka tempo ŝi komencas montri preskaŭ ĵaluzan scivolon pri miaj eliradoj. Efektive, ŝi havas sufiĉe grizan vivon, kaj la penso, ke mi eble iam edziĝos, devas esti veksa* penso por ŝi. Povra knabino! Ŝi ne bezonas tiel maltrankvili. Neniu virino min svate rigardas; al la fraŭla sorto mi estas alforĝita per dubranĉa kateno: per mia neallogeco por la alia sekso, kaj per tiu kara ŝarĝo de la fratina sorto, kiun difinis al mi la vivo. Venis en mian kapon la poemfragmento, kiun oni trovis inter la paperoj de Francisko Fenner, post kiam li june mortigis sin —

* *Veksi:* Maltrankviligi, ĝeni per zorgoj.

Komprenu fine, ke vi fraŭlan vivon
Devas vivadi, turni seksan forton,
Transformi ĝin al io pli konvena.
Vi, kompatinda, al neniu plaĉas . . .

— Miajn meditojn interrompis Noemi kun la surpriza sciigo, ke ŝi dezirus reiri kun Rona por pasigi kelkan tempon ĉe ŝi. Tre volonte mi aprobis, kaj . . . tuj kaptis min ĉe la gorĝo la penso pri mia venonta soleco, pri mia libera domo, pri . . . Hilda. Mian antaŭan honton jam tegis la ruĝa vualo de l' deziro, la fatala logo de tiu juna estaĵo . . . Ne, ne! ĉio estas iluzio. Mi ekmanĝis haŝiŝon, mi min nutras per miraĝoj. Trankvilon, trankvilon!

13-a de Decembro.

Noemi kaj Rona foriris.

Kvankam kolego Gilpin hodiaŭ afable invitis min viziti kun li bonan francan filmon, mi ial min ekskuzis kaj restis hejme por trakontroli amason da tute neurĝaj hejmotaskoj.

Je kvin antaŭ la oka eksonis frapo ĉe la pordo. Frapo, ne sonorigo! Nur unu persono . . . Mi iris malfermi. Tie staris Hilda, kun libro en la mano. Mire mi petis ŝin eniri. „Pardonu, mi devas redoni al vi ĉi tiun libron", ŝi diris nervoze, kaj etendis al mi mian ekzempleron de „Rosmersholm".

Ni komencis paroli pri dramoj kaj ŝi ekrimarkis sur breto „Deziro Sub la Ulmoj". Mi demandis, ĉu ŝi dezirus ĝin prunte, aŭ — ĉu ŝi volas veni tralegi ĝin kun mi. Ŝi diris, ke ŝi volonte venos. Ni aranĝis do la rendevuon por morgaŭ vespere.

Mi ne kuraĝas pensi pri la konsekvencoj de mia ago . . .

14-a de Decembro.

Ŝi venis, tre ŝike vestita, por la kunlego, kaj ni legis kelkajn scenojn. La pasia, mallume-violenta dramo batis surde sur mian konsidon. Pli reala dramo superbruis ĝin. Mia sango kriis: Hilda, Hilda . . . Mi ne supozis en mi tian fortegon de emocio — mi nepre kredis min pli sinrega.

Post finlego de iu pago ni ambaŭ samtempe movis la manon por turni la folion kaj niaj manoj kuntuŝiĝis. Mi eklevis la okulojn. Niaj rigardoj renkontiĝis. La verso de Dante trafulmis min —

# DRONINTO

## A. PUŜKIN

Kure venis infanetoj,
Vokas patron el la dom':
„Paĉjo, niajn fiŝo-retojn
Trafis ia morta hom'!"
„Vi mensogas, diablidoj,"
Li regrumblas kun murmur'.
„Vi, bubaĉoj-malbenitoj,
Pri malbono klaĉas nur."

„Oni sendos policanon,
Venos longa juĝ-afer',
Ha, mastrino, — la kaftanon!
Iros mi al la river'.
Kie estas la viktimo?"
„Jen ĝi, paĉjo, laŭ la vort'!"
Kuŝas sur la ret' en ŝlimo
La kadavro ĉe la bord'.

Monstre kuŝis korpo blua,
Disŝvelinta ĝis ekstrem'.
Ĉu do homo viv-enua
Finis peke pri si mem?
Ĉu fiŝiston ond' forportis,
Dronis ebriega dand',
Aŭ de man' rabista mortis
Ne-singarda komercant'?

Solvi nia hom' ne penas,
Stele, treme de terur'
La kadavron akven trenas,
Ĝin kaptinte ĉe la krur',
Kaj de l'bordo ĝin senbrue
Li forpuŝas per remil',
Ke ĝi naĝe serĉu plue
Krucon en tombej-azil'.

La kadavron ondoj lulas,
Kvazaŭ naĝus viva hom',
Laste ĝin la hom' okulas,
Kaj reiras al la dom'.
„Hejmen, vi, hundid-taĉmento!
Kaj nun saĝu via kap'!
Kringojn havu por silento,
Klaĉon punos vergo-frap'!"

Nokte muĝis uragano,
Brue ondis la river',
En la hejm' de l'vilaĝano
Brulis lasta lum-ligner'.
Panjo, idoj jam en dormo,
Kuŝas sur la dormo-bret'
La domestro ... Jen, tra l'ŝtormo
Sonas frap' sur fenestret'.

„Kiu do?" „He, mastr', azilon!"
„Ĉu vin trafis akcident',
Aŭ Satan' vin, Kain-filon,
Pelas tra la nokta vent'?
Nuraj penoj! Nokta gasto,
Kaj nek lit', nek lumo-flam'!"
La fenestron la dommastro
Levas grumble, sen gastam'.

Dum la luno nubojn truas,
Jen, li vidas ... fi! nudul'!
De la barbo akvo fluas,
Vitre strabas la okul'.
Pendas brakoj ĉe la flankoj
De l'terure ŝvela korp',
Sur ĝi svarme rampas kankroj
Por regali sin per sorb'.

Ĉe l'rekon' de l' gasto nuda
Vitron fermis li kun krak'.
„Krevu, vi, satan' altruda!"
Flustris li kun dentoklak'.
Ĝis maten' lin timo skuis,
Pensoj saltis en malord',
Kaj tutnokte frapoj bruis
Ĉe fenestro kaj ĉe pord'.

Kuras famo pri la plago,
Ke ĉe l'malfeliĉa hom'
Jar' post jar', en sama tago,
Hantas nokte la fantom'.
De l'mateno vent' impetas,
Nokte muĝas ĝia fort',
Kaj la morta gast' frapetas
Ĉe fenestro kaj ĉe pord'.

El la rusa: *A. Lavrov & K. Kalocsay.*

---

De tiam ni ne legis plu de l' libro.

Kaj tuj poste miaj oreloj muĝis, la uragano de sento, kvazaŭ ekstera forto, min ekkaptis kaj ĵetis al Hilda. Ŝia korpo velkis malantaŭen kiel ia belega Leda sub la amindumo de cigno-Jupitero, kaj la trombo de volupto volvegis nin.

*

Mi atendis, ke poste ŝi ploros. Sed ne, ŝi estis eĉ gaja kaj babilis. Tio agacis mian humoron, en kiu la pento kaj la memriproĉo lamentis. Mi volis paroli al ŝi konsole, klarige, pardonpete, sed la okazo ne ŝajnis konvena. Do mi petis ŝin reveni morgaŭ vespere, ĉar mi deziras paroli kun ŝi. Si ekrigardis min iom strange, kun eta levo de la dekstra brovo,

sed ĝi konsentis. Poste ŝi ekpremis mian brakon kaj rapide min forlasis.

16-a de Decembro.

Ŝi ne venis.

10-a de Januaro.

De du semajnoj ŝi mankas ĉe la muziklecionoj. Kion mi faris? Tio ne povas daŭri. Mi perturbas ŝian karieron.

17-a de Januaro.

„Mia kara Hilda,

Permesu, ke mi trankviligu vin. Tute senbezona estas via ĝena evitado, kiu povas nur fari al vi zorgojn, kaj kiun necesos tamen iam solvi. Vi bezonas nenion klarigi; via flanko en la afero estas tute klara, sed povas esti, ke de mia flanko ŝuldiĝas klarigo, kaj se vi venos al mi por duonhoro hodiaŭ vespere, mi esperas fari ĉion bona kaj senĝena.

„Per niaj kaŝaj rendevuoj mi danĝeris al vi kaj al mi. Dum nia lasta intervidiĝo mi ofendis vin apogee. Estu trankvila, kara knabino — la deliro jam pasis kaj nia interrilato nun revenas sur la antaŭan ŝtupon."

(Sen Subskribo.)

18-a de Januaro.

Ŝi ne venis. Premas min timo pro tiu maldiskreta litero . . .

19-a de Januaro.

Hodiaŭ ŝi aperis en la muzika leciono. Mi restigis ŝin poste kaj demandis, ĉu ŝi ricevis mian leteron de antaŭ-hieraŭ? „Ho, kial vi sendis tion?" ŝi demandis, „Ĝi kaŭzis tumulton. La patrino kaj patro malfermis kaj legis ĝin antaŭ mia reveno. Ili demandis, de kiu ĝi estas. Kiam ili eksciis . . ."

„Do, vi sciigis ilin", mi diris grize.

„Kion fari? Ili postulis! Ili — ili —" ŝi ekmutis, rigardante min disokule, poste ŝi faligis la rigardon .

Frosto trakuris min. Mondo, mondo, mi pensis. Ĉi tien kondukis min mia frenezo. Mi diris al ŝi:

„Iru, iru, mia infano. Dio scias, kio jam fariĝos. Vi estas senkulpa, nenio al vi okazos. Kaj mi — ankaŭ al mi ĉio estos bone. Iru kaj lasu min. Ni pli poste kunparolos." Ŝi foriris.

Nun aperas la tuta dimensio de mia malsaĝeco. Mi petolis kulpe, krime, kun malfortika junulino, kies fleksebla spirito cedis sub facila premo de demandado. Sendube la sciaĵo jam vulgariĝis kaj la skandalo rikanas sur la stratoj. Kiel mi morgaŭ provus montri la vizaĝon? Ho honto, honto! Mi estas detruita.

Je la 6-a matene.

Mi maldormis la tutan nokton. En la profundaj horoj mi sentis min pli trankvila, sed nun baldaŭ venos la tagiĝo, kaj la nokto ne alportis konsilon.

La urbo komencas vekiĝi, kaj la unuaj bruoj de la taga vivo penetras min kun paniko.

Pasas matena tramo, portanta laboristojn, kun grinca muĝo kaj bluaj ekfulmoj. Mi elrigardas tra la fenestro. La frostaj steloj komencas paliĝi ĉe la horizonto. Mia kanario eligas dormeman pepon kaj ŝoviĝas sur sia stangeto.

Povra malliberuleto! Baldaŭ venos via liberiĝo. Mi vin ellasos el tiu kaĝo renkonti la aŭroron, kaj poste, el la kaĝo de mia brusto mi ellasos en la eteron mian malfeliĉan animon.

**Postskribo de Eugeno Gilpin.**

Pri la sensacia morto de Zoffany parolis la tuta urbo.

Tri tagojn post la tragedio mi estis elironta matene al la gimnazio, kiam mi ekaŭdis interparolon inter nia servistino Margit — klaĉema, ventkapa virino — kaj la leterportisto.

„La enterigo de profesoro Zoffany okazos hodiaŭ", diris la poŝtisto.

„Ha, la bedaŭrinda sinjoro! Kio do povis peli lin al tia terura faro? Li ja ŝajnis kvieta homo, sed tamen ne malfeliĉa. Kian do sekretan ĉagrenon li kovis, kiu povis tiel detrui lian vivon? "

„Ni tion ne scias, fraŭlino. Ĝi restas mistero. Kaj la sekreton li portas kun si en la tombon."

# ESPERANTO ANTAŬ LA TRIBUNALO

### G. WARINGHIEN

II.

En la unua parto de ĉi tiu artikolo, aperinta en la antaŭa numero de L. M. temis pri la ĉefaj trajtoj de la nederlandlingva libro de Manders „Kvin artlingvoj — Kompara esploro pri la valoro de Volapük, Esperanto, Ido, Occidental kaj Novial". Post tiu resumo, en ĉi tiu dua parto, estas la vico de la kritika prijuĝo de tiu valora verkaĵo.

1. Unualoke, mi bedaŭras, ke inter la pritraktitaj lingvoj ne troviĝas la „Latino sine flexione" de la fama Peano; ĝi havas, en la historio de la L. I.-aj almenaŭ tiel grandan gravecon, kiel Novial, kaj ĝi certe instigis von Wahl al la ellaborado de Occ-al. Krome ĝi prezentas la ekstreman finon de la kampo, kies alian ekstremaĵon okupas Volapük. Irante de la plej komplete aposteriora sistemo al la plej apriora, oni devus klasi: Latino sine flexione, Occidental, Novial, Ido, Esperanto kaj Volapük. Mi ne scias, kial D-ro Manders forlasis tiun interesan projekton, kiu longatempe havis adeptojn, eĉ konsiderindajn, en Italio.

2. Mia dua riproĉo koncernas la amplekson, kiun li donis al la prezento de Esp-o: dum la ceteraj lingvoj estas studataj nur teorie, el iliaj gramatiko kaj lernolibroj, Esp-o estas vaste kaj detale studata en sia praktiko, per statistikoj kaj tekst-analizoj. Tio donas al la tuta verko malĝustan ekvilibron. La aŭtoro probable respondos al mi, ke nenio povis doni pli forte la impreson, ke la sola Esp-o estas vivanta lingvo, dum la aliaj estas nur projektoj, apenaŭ uzataj. Jes, eble; tamen ŝajnas al mi, ke la pristudo de Esp-o per dokumentoj meritis formi tute apartan ĉapitron, sekvantan la sinoptikan prezentadon de la kvin sistemoj, kaj unike dediĉitan al la „Evoluo de unu artlingvo". Tiamaniere, li estus povinta montri, kun plena libero kaj klareco, en kio ĝuste konsistas la „vivanteco" de Esp-o, t. e. en tiu interna forto, kiu malhelpas la enkondukon de eĉ dezirindaj reformoj. Lingvo estas vivanta, same kiel organismo, se ĝi povas forjeti ĉion, kio kontraŭus ĝian koheron kaj endanĝerigus ĝian tradicion. La vivantecon de lingvo oni povas mezuri laŭ ĝia forto le inercio. Kaj la kontrasto estas vere frapanta, inter unu Occ-al, en kiun ĉiumonate diversaj akademianoj enkondukas pli malpli gravajn ŝanĝojn, sen ia rezisto de la flanko de la uzantoj — kaj Esp-o, kies uzantoj sentas sin intime respondecaj pri ĝia kontinueco kaj stabileco. La historio de la ortografiaj reformoj, de la prepozicioj por la pasiv-aganto (da, par, baj, far ktp.) estus liverinta al li valorajn dokumentojn pri tiu punkto, kaj tiele estus reliefinta la unikan karakteron de Esp-o inter la aliaj L. I.-aj.

3. Rilate la analizon de la plej ofte renkontataj eraroj — kio estas ja bonega maniero ekzameni lingvon — ŝajnas, ke D-ro Manders devus fari gravan distingon. Ĉar iuj el tiuj erajoj rezultas el la malsimpleco de la Esp-a gramatiko (akuzativo, predikativo, triobla pasiva participo ktp.), kaj aliaj rezultas el la ekzisto de gramatikaj distingoj, kiuj trudas sin al ĉiu L. I., kia ajn estas ĝia strukturo aŭ celo: ekz-e la eraroj faritaj de slavlingvuloj pri la artikolo, la konfuzoj faritaj de germanlingvuloj inter adjektivo kaj adverbo, tiuj faritaj de franclingvuloj inter infinitivo kaj participo — ĉio tio ne koncernas propre Esp-on, kaj ne devus esti aljuĝita al ĝia ŝuldokonto.

Cetere estas tre malfacile decidi, kion la eraroj de nekulturitoj au de komencantoj pruvas kontraŭ la strukturo de la koncerna fremda lingvo. Tiuj eraroj devenas efektive de la kutimoj de la nacia lingvo, sed ili povas deveni tute egale de la misformado de la spirito de la skribinto, kiu eble ne kapablas korekte uzi eĉ sian propran lingvon (kiel alimaniere klarigi la erarojn kontraŭ akuzativo sub la plumo de polo kaj de ruso — pĝ 230 —?). Mi estas certa, ke nekulturita franco, uzanta Occ-al, trovus malfacilaĵojn kaj kulpus erarojn pri la pluralo de la substantivoj (kiu plu ne ekzistas en la parolata moderna franca), pri la distingo inter „ha" helpverbo kaj „have" verbo (= estas kaj havas), pri la distingo inter „noi" kaj „nos", „vu" kaj „vos" (= ni, nin — vi, vin); ke li kompatinde konfuzus la „tu, ti, to, ta", la „que, quo, qui quel, quem" ktp. Cu tio estus motivo por kritiki la komplikecon de la Occ-ala gramatiko? Unu el miaj 12-jaraj lernantoj skribis en sia lasta tasko: „les bonne femme bavardé sur le pas de leur portent": se li estus tutsame analoge skribinta en Esp-o: „la bona virino babilita sur la paso de iliaj pordas", ĉu tio ion signifus pri la meritoj aŭ karakteroj de la Esp-a gramatiko? Tio pruvus, ke temas pri unu anormale kreskinta infano — nenio pli.

4. La vera demando estus, mi opinias, esplori precize la konfuzojn, kiuj ekzistas en ĉiu nacia lingvo, kaj decidi pri ĉiu el ili, kiu povas esti konservata en L. I. sen difekto de ĝia klareco, kaj kiu ne povas. Sed tio postulus tre vastan esploron, ĉar — kaj mi tre miras, ke D-ro Manders ne altiris la atenton pri ĉi tiu punkto, kiu liveras boneĝan kriterion pri la valoro de la diversaj L. I.-aj — oni komencas en la lingvistaj medioj konsideri, ke lingvo estas kohera organismo, kies ĉiuj partoj iel interrespondas. Kaj estas grava eraro opinii, ke oni povas prunti de unu lingvo apartigitan elementon, ne atentante la aliajn, kiuj necese interrilatas kaj kongruas kun ĝi.

Oni ekz-e diras al ni, ke en la angla la adjektivo ne varias, kaj ke tian saman nevariecon devas havi la adjektivo en la L. I. Sed oni forgesas, ke en la angla la verbo, almenaŭ en la prezenca tempo, montras mem la pluralon, kaj aliaj rimedoj helpas ankaŭ malebligi ĉian konfuzon. Angla esp-isto iam demonstris, ke lia lingvo iafoje esprimas la pluralon pli ofte, ol Esp-o. Inter „a dog is a faithful animal" kaj „dogs are faithful animals" la pluralo estas esprimita per 5 diferencoj, dum en la respondaj esp-aj frazoj troviĝas nur 3 (hundo estas fidela besto — hundoj estas fidelaj bestoj). Ĉu la simpligo de 3 al 2, kio estas

la tuta plibonigo de Ido aŭ Occ-al, sufiĉas por kompensi la malgrandigon de la klareco?

En tio ĝuste kuŝas, laŭ mia opinio, la plej grava difekto de Ido. Tio ĉi cetere havas nur historian valoron, sed ĝi povas esti instrua por la diskuto pri aliaj projektoj, kaj mi estus dezirinta trovi aludon pri ĝi en la tezo de D-ro Manders. Couturat, efektive, volis konservi multon de Esp-o, kaj samtempe enkonduki novaĵojn, kiuj estis fremdaj al la spirito de tiu lingvo. La rezulto estis, ke Ido aspektas kiel lingvistika monstro, ĉar ĝi ne havas internan harmonion inter ĉiuj siaj elementoj. Mi klarigu per ekzemplo: se en unu L. I. oni atribuas gramatike karakterizan valoron al la vokalaj finaĵoj, oni kreas sistemon analogan al tiu de la romidaj — itala kaj hispana — lingvoj: nu, unu el la ĉefaj karakteriziloj de tiuj lingvoj estas la akordo inter la adjektivo kaj la substantivo. Se oni alprenas aŭ konservas la unuan trajton, kiel faris Ido, kaj forigas la duan, oni atingas ian senkoheraĵon. Neniu kulturito, neniu romidlingvulo toleras sen malplaĉo vortgrupojn, kiaj „la inteligenta homi esas rara". Por allasi la neŝanĝeblecon de la adjektivo, unu L. I. devas havi almenaŭ eksteran aspekton analogan al tiu de la germana aŭ de la angla, t. e. la substantivoj kaj adjektivoj ne devas esti montrataj per vokalaj finaĵoj. La Occ-ala „li inteligent homes es rar" montras multe pli kontentigan tipon, almenaŭ el tiu ĉi vidpunkto.

Tutsame oni povus imagi unu L. I. kun aŭ sen akuzativo; sed starigi laŭvolan akuzativon, kiel faris Ido, estas absoluta eraro. Pri multaj aliaj trajtoj de tiu lingvo oni povus fari la saman rimarkon. Naskita de kompromiso, konstruita de diversaj kaj diverstendencaj lingvistoj, Ido neniam akiris la kunteniĝeman strukturon necesan al vivantaĵo, dum Esp-o au Occ-al, kreitaj de unu sola spirito, ĝin vere posedas.

5. Restus do la komparado inter tiuj du lastaj lingvoj; kaj pri ĝi, mi ne plene kontentiĝas pri la sinteno de D-ro Manders, kiu ŝajnas al mi tro indulga. Unuflanke li ne sufiĉe reliefigas la malfacilojn de Occ-al, aliflanke li ne sufiĉe klarigas la kaŭzon de la malfaciloj de Esp-o. Eble li timis, ke tro tranĉa opinio pri tiuj du punktoj donus al lia verko tonon de apologio pli ol de doktoreca disertacio. Tial mi antataŭos lin sur ĉi tiu kampo.

*A)* Pri la akcentado de Occ-al, ekz-e, D-ro Manders skribis, ke „multaj neregulaj akcentoj povas esti nature divenataj de la intelektuloj". Nu, tio estas eble vera por nederlanda intelektulo, sed certe ne por franca, mi tion certigas al li. Neniu franco „nature" akcentos la vortojn „anim, corpore, tempore" aŭ „domino" sur la unua silabo: li tion faros multe pli probable sur la lasta! Ĉetere, pri la jenaj vortparoj, mi eĉ vetas, ke nur tre malmultaj el la nefrancaj intelektuloj ĝuste divenos la lokon de la akcento (oni ne forgesu, ke ĝi *ne* estas nun montrita per supersigno en la gazeto de Occ-al!): „nomines — nomina; borgos — borges; bulbes — bulbos; termino — termine; tempore — tempera; ordine — ordona" ktp.[1])

[1]) La unua vorto en ĉiu paro estas akcentita sur la unua silabo; la dua vorto sur la lasta en la 3 unuaj vortparoj, sur la antaŭlasta en la 3 lastaj.

Kaj, se D-ro Manders ŝatas la analizon de la eraroj (ankaŭ mi havas miajn dokumentojn!) mi povus diri, ke en la sola frazo Occ-ala, kiun mi aŭdis el la buŝo de tiulingva eminentulo, troviĝis ĝuste unu akcenteraro: la ne speciale malofta vorto „gramatika" estis akcentita sur la antaŭlasta! *Ab uno disce omnes*...

*B)* Same pri la vortfarado.

1. D-ro Manders bone montris, ke la simpleco de la Wahl-aj reguloj estas nur unudirekta, nur pasiva — kaj ke, se temas pri sintezado de novaj vortoj, la afero fariĝas multe malpli facila por tiu, kiu ne konas almenaŭ unu romidan lingvon. Sed li estus povinta aldoni, ke eĉ por romidlingvulo, la aktiva uzado de Occ-al estas okazo de sennombraj eraroj. Kiamaniere franco povos diveni, sen senĉesa kaj peniga pripenso pri la formo de la respondaj derivaĵoj, la ĝustan vokalon de la infinitivoj? La franca „finir" tradukiĝas per „finir", sed „contenir" per „contener"; „concerner" per „concernar", sed „composer" per „composir"; „résumer" per „resumar", sed „consumer" per „consumpter" kaj „assumer" per... mi ne scias kio (tiu vorto ne troviĝas en la Occ-alaj vortaroj, malgraŭ „to assume", „assumere" ktp.). Al la franca „perdre" respondas la Occ-ala „perdir", sed al „tordre" respondas „torder"; al „rendre" — „rendir", al „pendre" — „pender". Koncerne la afiksojn, kiel do germano povos diveni, ke la paralelaĵoj „neu — Neuheit" kaj „frei — Freiheit" difektiĝas en la neparalelaj „nov — novità" kaj „liber — libertà"? Au, lerninte, ke la sufiksoj -iere kaj -uore signifas ambaŭ „Gefässe", kiel do li povos elekti inter „teiere" kaj „teuore" (la germana vortaro de Matejka nenion instruos al li pri tio!) — ni supozu, ke li antaŭe ne konfuzis la sufiksojn -iera, -iere kaj -iero!

2. La sistema kaj perfekta aposterioreco de la Occ-ala vortfarado havas por la uzanto, alian gravan malavantaĝon. Ĉar en la trezoro de la romidaj lingvoj mankas kelkaj afiksoj por signifi diversajn tre utilajn ideorilatojn, von Wahl ne aŭdacis elpensi ilin, kaj senigis sian lingvon je tiuj oportunaĵoj. Ekz-e estas tiom nature kaj logike koncepti la rilaton inter tre granda kaj mezgranda objekto, kiel inter tiu mezgranda kaj alia tre malgranda; nu, se la romidaj lingvoj posedas internacian malgrandigan sufikson (nian -et-), ili ne konas grandigan sufikson (la itala -issimo estas tro strikte ligita al la ideo de superlativo, kaj la itala -one, hispana -on kolizias kun la franca -on, kiu ja estas malgrandiga). Jen kial oni povas eble paroli en Occ-al pri pluveto („pluviett" — *eble*, ĉar oni neniam estas certa pri la uzebleco de neinternacia derivaĵo), sed estas tute neeble paroli pri pluvego, kaj oni devos diri „pluvie battent" (kio ne estas ĝuste la sama nuanco).

Kaj tamen, nek la redaktintoj de la sciencaj nomenklaturoj hezitis antaŭ artefaritaj sufiksoj (Kp. F. kaj A. „methol, phenol, ethanol" ktp. formitaj el la finaĵo de „alcool"), nek eĉ la naturaj lingvoj rifuzas al si tian kreadon: el la finaĵo de la vorto „omnibus" la franca tiris sufikson por la ideo de publika transportrimedo, kaj kreis „autobus, aérobus" kaj freŝdate „bibliobus"; el la finaĵo de la vorto „chandelier" (kandellustro), la angla pluformis „gaselier" kaj „electrolier (gas- aŭ elektrolustro). Tiajn liberoj

# *Lumaj tomboj*

*Jovan Jovanović Zmaj*

Ĉu vi jam estis en tombej' enorma?
— La tuta ter' — ja nur tombej' milforma!
Tombejo estas la tergrundo,
Tombejo estas marprofundo,
Tombej': kasteloj kaj ĝardenoj,
Tombej': la montoj kaj ebenoj.
Je ĉiu paŝo:
Tomb' en kaŝo.
Tombej': de ĉiu temp' memoro,
Tombej': de l' libroj vorttrezoro; —
La histori' de ĉiuj landoj,
Kroniko de la mondregantoj,
La bildseri' de hom-modeloj,
De la martiraj kor-nobeloj
Ekde la histori-ekbrilo:
Tombej', jen ĉio —
Sed ankaŭ la lulilo.

Neeble elkalkuli, bapti
Eĉ ĉiujn astrojn de l' altsfero,
Kaj kiel nombri, memorkapti
Sennombraj tombojn de la tero!
Hom-milionojn forglustis obskuro,
Nigra obskur' dum multmiljara kuro,
Kaj jam neniu ilin rememoras.
— Sed kelkajn ĉiam flagra lum' dekoras!
Ĝi estas aŭ kandel, aŭ nom' brilfama,
Aŭ verko, sian helon ne perdanta,
Kiuj la vicojn de l'tombej' giganta
Prilumas per radi' ornama.
Ĉi tomboj raraj,
Oldaj, novstaraj,

Signas per lumstrioj
Al generacioj:
Se en paseon dronas homa menso,
Ĝi ne perdiĝu en tenebra denso;
Se ni en tempojn vagas longpasintajn,
En pasintaĵojn sanktajn kaj malindajn,
Pri l' vojo ne eraru nia penso.
Jen estas fajroj, signalsendaj
El distaj tempoj, sinetendaj
En longa ĉen' kronologia,
Lumjetaj unu al alia,
En fluo nur antaŭenira,
Kaj nur al nun cel' aspira.

Videblas tie vojo hela,
Teksita el lumspuroj de la
*Sama* spirit' el tempa *multo,*
Spirit' sen kavo de sepulto.
— Ĝi skuas for al tombo ŝlima
Nur ostojn cindrajn, kies jugo
Ĝin prem-retenas de la flugo
Pli svinga al futur' sublima.

Turnante nin por rigard-ĵeto
Per la okul de vido klara
Al tomboj kun lumsilueto
— Laŭ historia vic' miljara —
Ni aŭdos, kiel kun konsilo
Alkrias tra l' templabirinto
La av' al nepo, patr' al filo,
Al batalont' la batalinto:

von Wahl askete rifuzis al si, kaj montris sin, laŭ la franca popoldiro, pli rojalisto ol la reĝo mem. Jen kial vi ne trovos en Occ-al afiksojn respondajn al niaj -ig- aŭ -il-, kies oportunecon eĉ plej okaza uzanto de nia lingvo povas atesti. Jen kial niaj sufiksoj -ind- kaj -ebl- estas tradukataj per unu sola sufikso -bil, tiel ke mi neniam kuraĝus diri al juna occidentalistino (se tiaj ekzistas), ke ŝi estas „amabil", timante, ke ŝi komprenos „amebla". . .

3. Alia flanko de la demando pri vortfarado estas tute lasita en ombro de D-ro Manders, kaj ĝi tamen havas ian gravecon: tio estas la demando pri la signifo de la kunmetaĵoj. En Esp-o la signifo de la kunmetaĵoj estas simple kaj precize la sumo de la signifoj de ĉiuj kunmetaj elementoj: „malsanulejo, senelirejo, samideanaro" povas esti analizitaj tiel same laŭ la senco, kiel laŭ la formo, kaj ĉiu vortero ĉiam kaj ĉie konservas sian propran signifon. Tio *ne* estas vera en Occ-al. Von Wahl fieras (kaj D-ro Manders laŭdas lin pro tio), ke internacia vorto kia „circumstantie" povas laŭregule analiziĝi laŭ la Occ-ala afiksaro (circum-sta-nt-ie): tio estas vera, sed se oni serĉas la signifon de ĉiu el tiuj vort-elementojn kaj se oni kunigas ilin, oni ricevas la sencon de „ĉirkaŭstaranteco", kio estas iom fremda al la esprimota ideo de „cirkonstanco"! Ni supozu iun japanon, ruson, hungaron aŭ eĉ iun germanon, antaŭ la sekvantaj vortoj, serĉanta malkovri ilian sencon laŭ la informoj liveritaj al li de la „Radicarium" de von Wahl aŭ la „Wörterbuch" de Matejka: laŭ tiu metodo li trovos, ke „disposition" signifas „dismetado", ke „prejudicie" signifas „antaŭjuĝisteco" (Matejka donas „prejudicament", kio egalus al „antaŭjuĝistado"), ke „survigilar" (= kontroli)

„Kie mi haltis — vi ekiru!"
„Por mi neeblan — vi akiru!"
„Neatingitan — elpioniru!"
„Pri l' komencita — vi plu agu!"
„Ankoraŭ ŝuldas ni — repagu!"
Jen la paroloj, jen la vokoj,
Kiel ornamo de l' epokoj,
Penetras tra l'obskur' de l'mondo
De sur la tomboj kun lumfonto,
Ligante en eĥo harmonia,
Kaj kvazaŭ per kapablo dia,
Jarcenton vice kun jarcento,
Kaj la homgenton kun homgento.

Kaj ĉirkaŭ ĉiu tombo hela
(Samkiel ĉirkaŭ stel' ĉiela),
Laŭ historia prirakonto
Ariĝis ia homo rondo,
Junaĝa rondo, rond'ribela,
Germ-tigoj novaj de espero,
De arbo olda novaj floroj,
Animoj blankaj, junaj koroj,
Heredaj je sanktaĵfajrero; —
Kunvenis tie viv' junaĝa
Paroli kun la tombo saĝa:

„Vi ankaŭ falis, frato kara?"
— „Ne, idoj, dum vi restas plue!"
„Ĉu via lukt' estis multbara?"
— „Nur provu, estas tiel ĝue!"
„Kien vi volis? strebis veni?"
— „Al cel', por kiu endas peni!"
„Ĉu tiel forta do la fido?"
— „Pli ol malico kaj perfido!"
„Nur pokaj riskus sin oferi."
— „Mirforto vian iron puŝas!"
„Ĉiu iu povas cel-konkeri?"
— „Neniam — se lin dub' ektuŝas!"
„Kiaj gigantoj al bataloj
Ĉiam antaŭen vin instigis,
La koron hardis kaj fortigis,
Flugilojn por avanc' alligis?"
— „Ĉion ĉi faris — la idealoj!
Sen ili super nub' de sombro
Ne eblus la altflugo rava,
Sen ili oni forton perdus,
Tro baldaŭ misan sorton spertus,
La mond' estus senflora tombo,
Jun' — povra, vivo — senenhava!"

El la serba: *Boĵidar Vančik.*

**Jovan Jovanoviĉ Zmaj,** la plej granda serba poeto de la 19-a jarcento, naskiĝis en jaro 1833, studis juron en Budapest, Praha kaj Vieno, poste finis medicinan fakultaton, laboris kiel kuracisto en pluraj lokoj de Kroatio kaj Serbio, kaj mortis en jaro 1904. La plej fekunda kaj en la vastaj popolamasoj la plej populara serba poeto, li verkis multajn poemojn lirikajn, humurajn, politiksatirajn, kaj tradukis grandegan nombron da poeziaj verkoj el aliaj lingvoj. Li estas, ĝis nun ne superita en la serba literaturo kiel porinfana poeto. Li iniciatis kaj redaktis diversajn beletrajn, politiksatirajn kaj porinfanajn revulojn. Multaj liaj poemoj konservis sian aktualecon kaj freŝon ĝis la nuntempo.

*B. V.*

*Novaj vortoj:*
*poka:* malmulta;
*sombro:* malhela.

---

signifas „maldormi sur", kaj „undular", montrita de von Wahl kiel derivaĵo de „unde" restos por li neklarigebla, ĉar la sola formo „ul" trovebla en la Occ-alaj vortaroj, tie signifas . . . „strigo"! Oni do konfesu, ke tiuj vortoj, pri kiuj oni asertas, ke ili estas derivaĵoj, devas esti lernataj kiel simplaj vortoj, kaj oni ne plu fanfaronu pri la „senlima facileco" de la Occ-ala vortfarado!

4. La vero ŝajnas esti, ke von Wahl simple preteratentis la semantikon en la konstruo de sia lingvo. Tute okupita de la analizo de la internaciaj vortoj (kaj mi konfesas, ke tiun analizon li faris brile), li simple forgesis, ke tiuj vortoj havas ofte plurajn signifojn, kaj ofte ne la samajn en la diversaj lingvoj. Jam de longe la esp-ista Akademio rimarkis, ke la vortoj estas ofte pli internaciaj per sia formo, ol per sia senco. La occ-alistoj ankoraŭ ne aŭdis pri tio . . .

En Esp-o tiu diverssenceco ne estas ĝena ĉar la internaciaj vortoj estas enkondukitaj nur kun preciza signifo, kiun kontrolas kaj garantias la propre Esp-a kunmetaĵo, kiun ili anstataŭas. La signifo de „hospitalo" estas ĉiam kontrolebla per la sinonimo „malsanulejo" ktp. Sed en Occ-al okazas nenio simila, kio povus malhelpi la svedojn kompreni „hospitale" kiel „frenezulejo", laŭ la sveda signifo de tiu internacia vorto.

Sub „col(l)ecter" (kolekti) vi trovos „col(l)ector" — sed neniu ie instruos al vi, ĉu tiu vorto havas la anglan signifon de „kolektisto", la francan de „kloakego" aŭ la germanan de „vendisto de loteribiletoj". Ĉu „exhibition" signifas laŭ la angla „stipendio", laŭ la franca „parado" aŭ laŭ la germana „ekspozicio"? Ĉu „tentator" estas la franca „tentanto" aŭ la sveda „ekzamenanto"? En sia Radicarium, von Wahl indikas al „turre" (= turo)

la derivaĵon „turriero“: ĉu tiu respondas al la itala „torriere“ (= turgardisto) aŭ al la hispana „torrero“ (= turobservisto)? Mil similaj problemoj prezentas sin ĉe la internaciaj vortoj, sed ne esperu trovi al ili solvon en Occ-al: pri tiu punkto la aŭguristoj estas mutaj.

*C)* Tiom pri Occ-al. Koncerne Esp-on, mi plene forcedas al D-ro Manders, ke nia gramatiko enhavas malfacilaĵojn. La tuta demando estas, ĉu ili estas utilaj aŭ forigindaj. Se oni rigardas la problemon el tiu ĉi vidpunkto, oni ne rajtas preteratenti jenan signifoplenan fakton, kiun ne notis D-ro Manders: *en la du pli malnovaj formoj de Esp-o, akuzativo tute ne ekzistis!* La aserto de niaj kritikintoj, ke Zamenhof lasis sin influi de siaj lingvokutimoj, estas do erara, kaj, ĉar li enkondukis akuzativon nur post praktikaj eksperimentoj, li certe havis racian motivon por tio. Kaj la sola, kiun oni povas supozi, estas, ke laŭ lia sperto, la postuloj de la *klareco* devis sur tiu ĉi punkto superi tiujn de la *simpleco*.

Oni kontraŭdiros, ke ekzistas naciaj lingvoj, tute klaraj, kiuj ne konas akuzativon. Tute klaraj, tio estas iom diskutebla. Mi jam citis aliloke la francan frazon: „nous ne savions pas quel poète étouffait en lui le savant“, kiu povas tute egale signifi „ni ne sciis, kia poeto sufokis en li la sciencisto“ aŭ „kian poeton sufokis en li la sciencisto“. Ĉi lastan semajnon, legante usonan popularan romanon, mi trafis jenan frazon (temas pri patrino, kies filo edziĝis kontraŭ ŝia volo): „she telegraphed him a ticket and instruction to come and see her — alone“. (White Banner, pĝ 118) t. e.: „ŝi telegrafe sendis al li biletprezon kaj la ordonon, veni kaj viziti ŝin — sola“ aŭ „solan“?

Ne estas malfacile pruvi, ke artefaritaj lingvoj estas elmetataj al la samaj danĝeroj. Oni citis, antaŭ ol mi, la bumerangan titolon de Beaufront-a artikolo: „La linguo supleanta Ido“ (= la lingvo anstataŭ Ido, aŭ: la lingvo anstataŭanta Idon). Mi citis, miaflanke, inter aliaj citeblaj, jenan frazon de von Wahl: „Senior R.-O. abuse li idé que just Latin es international“ (t. e. „s-ro R. O. trouzas la ideon, ke nur la latina estas internacia“ — aŭ: „s-ron R.-O. trompas la ideo, ke . . .“). Eminentaj occ-alistoj mokis, ke „la sola ekzemplo, kiun unu esp-isto povis trovi en la tuta literaturo de Occ-al por kritiki la forigon de la deviga akuzativo estas ekzemplo *falsa*“ kaj kompatinde ili demonstris al mi, ke la citita frazo „estas perfekte klara sen la balasto de la akuzativo“ kaj povas havi nur unu solan sencon, la unuan. Domaĝe, ke la duan efektive donis al ĝi von Wahl . . .

Oni eble oponos, ke el la ĉirkaŭteksto estas divenebla la senco de tiaj frazoj. Eble jes — sed oni neniam devus forgesi, ke en tia divenado multege helpas nin la fakto, aŭ ke la lingvon ni konas jam de frua infaneco, kaj ke ni kutimiĝis al ĉiuj ties malfaciloj, kaptiloj kaj nuancoj — dum la internacia lingvo estas kaj longatempe restos nenies gepatra lingvo, do iagrade ĉiam fremda, kies malklaraĵoj riskas montri sin pli ribelaj al nia intuicio; aŭ, ke la temo estas al ni tiel bone konata, tiel facile komprenebla, ke ĉiu racia spirito senpene distingos la veran signifon — sed ĝuste tia povas ne esti la okazo en la internaciaj aferoj: supozu, ke, anstataŭ senvalora titolo de artikolo, oni trovus en jura kontrakto

## SIMBOLO

**William Auld.**

Kiel la kol' de brila cigno,
kiel pafarko de Dian',
kiel demanda, pimpa signo:

klinate kurbe ĉe la lumbo,
rektigas vi per lerta man'
la kunkudraĵon de la ŝtrumpo . . .

## HONTA FORLOGO

**William Auld.**

Virinoj pimpe preterpaŝas:
Libido mia pulsas pigre,
Kaj pro l' parado sin malkaŝas
Dezir' dormema, duonvigle.

Mi okulumas maleolojn,
Kiujn karesas sibla silko;
Mi vidas ĝue krurmuskolojn
Ekdanci, kiel gaja pilko.

Subite hontas mi, kaj prave:
Min premas pent' sentimentala,
Ĉar, eĉ en penso, amorsklave
Al vi mi estis mallojala.

---

frazon, kia: „La povo supleante Francia“, estas probable, ke oni senfine diskutos por scii, ĉu oni devas kompreni „la anstataŭa potenco Francio“ aŭ „la potenco anstataŭanta Francion“. Estas kutima eraro de la adeptoj de la unuavida komprenebleco, forgesi, ke la L. I. devas servi ne nur por mendi tagmanĝon aŭ aĉeti vojaĝbileton, verki propagandan artikolon aŭ babili en kongresoj, sed ankaŭ por la redaktado de la plej delikataj kaj plej gravaj verkoj en la juro, la scienco, kaj la diplomatio. Se tion oni ĉiam memoras, oni eble konsentos, ke iom tro da klareco ne estas principe kondamnida, eĉ se aĉetita per iom tro da malfacilo. Mi konis anglan importiston, kiu ĉiam redaktigis siajn komercajn kontraktojn en la franca lingvo; kiam mi svicolis kial, li simple respondis: „Ĉar en la franca la participoj akordiĝas“. Kaj ne estus malfacile trovi efektive kazojn, ĉe kiuj la akordo aŭ neakordo de participo ŝanĝis la signifon de ĉefa frazo, kaj sekve gajnigis aŭ perdigis unu proceson. Kiom pli tio gravas ĉe la politikaj kontraktoj!

Jen kial mi opinias, ke la ekzisto de la akuzativo, de la poseda refleksivo, de la akordeblaj adjektivoj estas ja ŝarĝo por la lingvo, sed ne balasto; finfine lingvo estas nur rimedo de interkompreniĝado, kaj kiam oni vidas la malfacilojn, kiujn la homoj suferas por interkompreniĝi eĉ per sia gepatra lingvo, oni ne povas troigi la va-

# LA BONŜANCA DOMO EN LENINGRADO

**Walter Duranty***

Leningrado havis foje bonŝancan domon. Tra ties historio iras la fluo de Sovjet-Unio. Sub la novaj leĝoj kaj moroj kuŝis la malnovaj aferoj — neŝanĝiĝinte. Eĉ la antikva rakonto pri feino troviĝas tie — la Ora Fiŝa.

En Leningrado de 1922 — Petrogrado oni nomis ĝin tiam, antaŭ la morto de Lenin — staris kaduka dometo ĉe la rando de l'urbo. En ĝi loĝis tridek sep animoj, kiel la rusoj diras. De kiam la dommastroj malaperis, la loĝantoj grupiĝis en kooperativon, kiel la sovjeta leĝo postulas.

Ne tute bone ili sciis kiel mastrumi, do ili sidis en ŝuldoj ĝis super la ŝultroj. Fakte temis nur pri dek kvin rubloj, sed tiu sumo tiutempe estis sufiĉe granda por malriĉuloj. Per urĝa kaj kompleta ĉirkaŭpetado ili kolektis dudek kvin rublojn, kaj la unuan fojon ili havis ekstran monon en la kaso. Fiere la kooperativanoj voĉdonis aĉeti dek-rublan bileton en la nova prunto de la ŝtata loterio.

Unu ŝanco inter miliono, sed mirakloj okazas en la rusaj rakontoj pri feinoj, kaj ilia bileto gajnis la unua premion, 100.000 rublojn.

Kindek mil dolarojn, en vera mono, por etega domo. La tuta urbo, ja la tuta Sovjetio ekscitiĝis. Ankoraŭ tre klare oni memoris pri la nigraj jaroj de malsatego, kaj pri la inflacio; do vera mono ŝajnis io nova. Ĉiun viron, virinon, kaj infanon de la tridek sep animoj oni intervjuis kaj fotografis kaj paragrafis kaj radiofone disaŭdigis.

En sia unua entuziasmo la asocio donacis dek elcentojn de la premio al la monprovizo por senhejmaj infanoj. Poste ili ekpensis kiel elspezi la reston.

Ŝajne tuj komenciĝis la zorgoj de riĉuloj. Preskaŭ ĉiuj rusaj urboloĝantoj malproksimas nur unu aŭ du generaciojn de la kam-

* Iama ĉef-korespondanto de New York Times en Sovjetio.

---

loron de la klareco en lingvo, kiu celas interkomprenigi ĉiujn homojn en la mondo!

*

Resume, oni vidas, ke *eĉ* antaŭ tiel severa tribunalo, kia estis tiu de s-ro Manders kaj de la lingvistoj, kiuj aprobis lian tezon, aljuĝante al li la „filologian doktorecon cum laude", la afero de Esperanto estis sukcese pledita. Kompreneble, en scienca objektiva kaj universitata disertacio, ne povis esti demando pri elekto aŭ kompara taksado de la meritoj de ĉiuj lingvoj-kandidatoj. Sed nenio malhelpas, ke, helpante al ni per la materialoj diligente kolektitaj de D-ro Manders, ni mem tion provu. Mi opinias, ke la komparo devus koncerni precipe jenajn kvalitojn: I. La simpleco de la fundamenta vortaro. II. La simpleco de la gramatiko. III. La reguleco de la vortfarado. IV. La klareco. V. La stabileco de la lingvo. VI. La facileco de la pasiva uzado (legado) ĉe poliglotoj. VII. La facileco de la pasiva uzado ĉe ne-latinidaj unulingvuloj. VIII. La facileco de la aktiva uzado (verkado, parolo) ĉe poliglotoj. IX. La facileco de la aktiva uzado ĉe ne-latinidaj unulingvuloj. X. La estetika valoro.

Kiel ajn delikata estas tiu ĉi lasta kriterio, ĝi tamen ne estas neglektinda. Oni prave riproĉis al Esperanto iajn akumulojn de ŝo-sonoj. Sed ankaŭ en Occ-al la akumulado de la malgraciaj sufiksoj *-tion, -tional, -ment, -mentari*, la hakata kaj malplaĉa ripetado de la finaj dentaloj ne konsistigas certe literaturan ornamon: oni nur aŭskultu jenajn durajn versojn, montritajn kiel modelo en la Occ-ala gazeto (la akcento estas antaŭ la lasta konsonanto!):

Tra l' bosquett sonat
Alt li joy-cantad
E li fonte de li mont saltat —
It sonat del mont
Al fugient hivern:
Oh! quam bell li mund
Nu es in li vern!

Se ĉiun el tiuj kvalitoj oni notas de unu ĝis kvin, oni atingos proksimume jenan rezulton:

| | I | II | III | IV | V | VI | VII | VIII | IX | X | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Esp-o | 5 | 1 | 4 | 5 | 5 | 2 | 4 | 3 | 3 | 2 | 34 |
| Ido | 2 | 3 | 5 | 4 | 3 | 3 | 3 | 2 | 2 | 3 | 30 |
| Occ-al | 1 | 5 | 1 | 3 | 1 | 5 | 2 | 3 | 2 | 1 | 24 |

Ĉi tiu tabelo pruvas, interalie, ke artefaritan lingvon oni ne povas juĝi el la unua rigardo, kiel tro ofte opinias nepripensintoj; ĉar (laŭ fama franca verso):

la perfekteco estas afero pli sekreta ...

Kaj ni fine danku al D-ro Manders, ke li donis al ni la okazon konstati, ke nia alligiteco al la Esperanta formo de L. I., jam pravigita en la sociologia kampo (kiel mi montris en antaŭa artikolo), estas pravigebla ankaŭ sur la filologia tereno.

paro, do la dek plenkreskintaj membroj de l'kooperativo trovis, ke ili havas pli da parencoj, ol ili sciis, ke ili havas. Ĉiu vivanta parenco, ĝis la kuzoj de dekdua grado, skribis amoplenajn leterojn al ili' kaj rapidis al la urbo, portante donacojn, tiel esperante partopreni en la ora torento. Ankoraŭ la mono ne estis elpagita, sed en la bonŝanca domo oni bruadis kaj festenadis, dume pripafolante siajn respektivajn planojn.

La senedzan instruistinon en la tria etaĝo, kiu perdis sian postenon, kiam oni ĉesigis ŝian lernejon pro manko de krajonoj kaj papero kaj brulmaterialo, salutis ŝia bofrato kun plena rideto. Li alvenis kun propono pri malgranda farun-muelejo, kiu staris senokupe en lia vilaĝo. Oni povus lui ĝin por dek jaroj per bagatela sumo, reciproke pro riparadoj, kiuj kostus kvincent rublojn.

La gruza paro en la unua etaĝo, kiuj estis foje dancistoj, sed nun nutris sin per ankoraŭ pli malnova profesio (kvankam la ĉarmo de l'sinjorino estis jam velkanta) trovis ardan amikon en la persono de onklo el Tifliso, kiu alportis du diketajn kaprofelojn de Naperiuli, ruĝajn kaj daŭre-fortajn kiel la vino de Burgundio. En siaj pli feliĉaj tagoj tiu onklo estis princo, laŭ la Georgia moro kiu donis tiun rangon al iu ajn, kiu posedis pli ol kvin bovinojn aŭ kvindek kaprojn. Li sciis pri dancohalo en la senzorga ĉefurbo de Kaŭkazo, kie la viroj estas kuraĝaj kaj sovaĝaj kaj la virinoj sovaĝaj kaj belaj. Li subaludis, ke la teknika scio de liaj genevoj pri dancado kune kun ilia teknika scio pri ilia nuna profesio estus tre utilaj tie. Do la investo de mil rubloj alportus al ili riĉajn profitojn.

En ilia ĉambro estis kunloĝanto, la dekokjara Vasili Petroviĉ. Vasili sciis, kion *li* faros per sia mono. En la fabriko, kie li laboris, estis fraŭlineto. Vera estis ŝia nomo, kaj se nur ili povus trovi ĉambron, ili jam estus geedziĝintaj. Sed ĉambroj kostas monon. Kaj krom tio la gepatroj de Vera estis malnovmoraj. Ili volis konvenan geedziĝon, en preĝejo, kaj poste festenon. Ili ne povis kredi, ke sufiĉas la subskribo en sovjeta registlibro.

Ankaŭ Veran ili edukis en la malnova maniero. Neniam ŝi ĝuis aventurojn kun junuloj, kiel tiom da virinetoj de hodiaŭ. Vere, Vasili tion amis, ĉar li volis edziĝi por ĉiam, kaj havi hejmon, kaj infanojn, same kiel Vera. Sed ĉiam reaperis la sama problemo, trovi ĉambron, kaj aĉeti meblojn. Ankaŭ, ke la geedziĝo kaj festeno ne kostu unu kopekon malpli ol kvardek rublojn.

Se la patro de Vera ne estus doloriginta sian spinon, kiam li falis de veturilo dum la milito, aŭ se sia patrino ne timus lasi lin sola, dum ŝi povus iri al la laboro, eble la dek rubloj de Vera estus apartenintaj al ŝi mem, por laŭvole elspezi. Tiaokaze eble ŝi konsentus flankenlasi la pastron kaj festenon, kaj kontentiĝus pri la registriĝo, kiu kostus nur la etan sumon de dekdu kopekoj, por la marko sur la geedziĝatesto. Tiam ŝi povus veni kaj kunokupi kun Vasili lian malvastan spacon en la dometo. Sed ŝi ne volis forlasi siajn gepatrojn, kaj la junulo malesperis. Kompreneble, nun la afero solviĝis por ili ambaŭ, ankaŭ por ŝiaj gepatroj.

La senmetia metal-laboristo kun sia edzino kaj kvar etaj infanoj en la sufoka kelo, tuj decidis regali sin per tri abundaj manĝoj ĉiutage, dum la sekvinta monato. Poste ili aĉetus vestojn kaj knarajn brilantajn ŝuojn el ledo, kiaj signifas kaj pruvas en la rusa vilaĝo prosperstaton; kaj kun ĉio tio ili reirus al la kamparo.

Tie ili povus akiri de la vilaĝa sovjeto komunan parcelon, kiu kuŝas senokupe pro la bezono de kelkcent rubloj por eldreni la grundon. Iliaj gefratoj kaj gekuzoj ĉiam sopiris je tiu grundpeco, same kiel la metallaboristo mem, sed la preteresperaj doloroj, kaŭzitaj de la loĝado sur la grundo, pelis lin al Petersburgo (dum la cara regado), por tie labori dek kvar horojn tage en fabriko. Se oni eldrenos la grundon, ĝi fariĝos la plej riĉa en la vilaĝo. La antaŭa *mir* (vilaĝa estraro sub la carismo) ofte „planis" plenum-

## NE DIRU...

**Nadson.**

Ne diru: mortis li! — li vivas por homaro;
Forŝiru rozon — tamen plu ĝi floras,
Plu brulas fajr' — rompiĝu eĉ altaro,
Fendiĝu harp', akord' ankoraŭ ploras!...

El la rusa: *M. Soloviev.*

la aferon, kaj foje ĝi eĉ penis akiri la monon de la *barin* (bienposedanto, sinjoro). Sed la barin-on trafis malavantaĝa sezono en Monte Carlo, do nenio estis farita.

Sed nun, kun ses animoj en la familio, ili povos ricevi dek ok desjatinojn (proksimume 180 kvadratajn kilometrojn), po tri al ĉiu persono, kiel la leĝo diras. Ili povus ricevi dek kvin desjatinojn pli, se iliaj negeedziĝintaj parencoj aliĝus kaj helpus kulturi la grundon. Jam ili povis vidi sin kulakoj (kompare riĉaj kamparanoj), eble eĉ kun ardeza tegmento sur sia domo, kaj, post la diservo dimanĉe invitantaj la pastron de la vilaĝo al la tagmanĝo, kaj la pastron avide akceptanta, tiel riĉa estus ilia manĝo.

Supre, en la transireja angulo, ne pli granda ol hundodometo, loĝis Marfa Sergejevna kun siaj tri etaj infanoj, unu jam kondamnita al tuberkulozo. Restas espero por la ceteraj du, diris la kuracisto, se ili povus iri al sanigejo en Krimeo. Sed Marfa ne estis membro de iu ajn sindikato, kaj la referenco subskribita de ŝia mortinta mastrino, kiu diris, ke Marfa laboris sep fidelajn jarojn kiel kuirej-servistino en la granda domo sur la Angla Kajo, estis nenia rekomendo en la sovjetanaj okuloj, nek ke ŝia mortinta edzo estis gajninta la krucon de Sankta Georgo.

Sed nun, por moligi la doloron de sia mortiĝado, Ivanuŝa povos enspiri la molan salan aeron, kaj rigardi la ondetantan bluon de la maro, kaj la malhelajn cipresojn, kaj la plumajn palmojn. Ankaŭ la du etuloj povos vivi kaj fortiĝi, la doktoro tion promesis, post kiam ili atingos Krimeon.

Do, tiel estis, ke ĉiu en la bonŝanca domo havis sian plej karan esperon, al amo aŭ komforto aŭ avido aŭ saniĝo.

Kaj tiam, ho ve, la serpento de kapitalismo enrampis la idilion. Inter la du grupoj de loĝantoj ekestis diskuto, komence milda, tamen amare kreskanta: kiel oni dividu la mono ekzakte. La unuj, de nun ni nomu ilin kapitalistoj, asertis, ke la divido de la premio estu proporcia laŭ la spaco, kiun ĉiu membro de la asocio okupas, ne gravas kiom da personoj estas en ties familio. Tiubaze ja ili pagas la lumonon, argumentis la kapitalistoj.

La aliaj, de nun ni nomu ilin proletoj, asertis, ke la ĝusta maniero estus dividi la premion egale inter ĉiuj, ke eĉ la plej eta infano estas, *ipso facto*, luanto, do tial ĝi havas la saman rajton al plena parto, kiel ĉiu alia persono. La diskuto iĝis disputo, la disputo krizo. Fine ili iris al al leĝo.

Ne daŭris longe por la juĝisto de la Popola Juĝejo likvidi la proceson. „Konsidere ke: la premion gajnis la Asocio de Luantoj, kies nombro, kiel la registrolibro montras, estas la sekvantaj dek membroj. . ., la verdikto decidas, ke la premio estu dividita inter la supre diritaj membroj, laŭ la plankareo, por kiu ili pagas la lumonon — t. e. proporcie laŭ sia investo en la supre menciita Asocio de Luantoj, senkalkule de ilia idaro aŭ dependularo"

Kia ĝojo en la mezo de l'kapitalistoj! Kia amarsento en la proleta kampo! Naŭ mil rubloj por la georgia paro. Por tio oni establos du danc-halojn en Tifliso. Sed por la metal-laboristo kaj lia edzino kaj ilia idaro nur mil rubloj, kaj ĉio ĉi pro tiu regulo de plankospaco. Kiel oni povas eldreni la grundon, kaj aĉeti la semojn kaj plugilojn kaj ĉevalojn kaj bovinojn kaj porkojn kaj kortbirdaron kaj la tutardeze tegmentitan domon?

Kaj kio pri Marfa kun ŝia mortiĝanta knabo, kiu kune kun ŝi kuŝas sur la matraco en angulo de la pasejo, kaj la du etaj infanoj, en sia korbo pendantaj super la kapoj? Pasejojn oni ne kalkulas en la rusaj plankospacoj. Marfa ne pagis lumonon, kaj estis, fakte — fakte kaj laŭleĝe — nenio pli ol indulgata membro de la Asocio. La komunista juĝisto, laŭ sia kompreno, decidis juste, sed lia verdikto forŝtelis la vivon kaj esperon de senpatraj infanoj kaj ilia patrino.

Nur Vasili ne zorgis. Kiel subloĝanto de la georgianoj li rajtis por sia angulo en ilia ĉambro (kiu estis la plej granda en la domo) entute tri mil rublojn, eble eĉ pli. Vera kaj li trovis apartamenton kun du puraj helaj ĉambroj kaj nur kun tri ceteraj personoj ili devos partopreni en la uzo de la kuirejo kaj eĉ de banejo. Kostos al ili tri cent rublojn akiri la „rajton" — kontraŭ la leĝo, kompreneble, sed ĉiu faras ja tion! Kalkulu ducent pli por la mebloj, kaj oni diru, pliajn cent por la preĝeja geedziĝo kaj festeno — nu, se Vasili ricevos nur unu milon, li havos pli ol sufiĉe.

Sed supre en la mansardo la senedza ins-

truistino Maria Nikolajevna melankolie meditis. La longa trablova ĉambro, la sentapiŝaj malglataj planktabuloj, ĉio ĉi transformiĝis per la verdikto en oron. Estante plena membro de la Asocio, ŝi okupis, tio estis en la registrolibro, ne malpli ol kvaronon el la plankospaco de la tuta domo. Tial ŝia parto estis dudek-du mil kaj kvincent rubloj, ekzakte.

Ŝia bofrato ĉirkaŭpremis ŝin, kiam li ekaŭdis pri la juĝista decido, dum lia grasa filineto eligante kluk-klukojn dancis ĉirkaŭ ili.

„Ne unu muelejon, sed tri!" li ekkriis. Jam de longe li revis pri du pliaj muelejoj, sed tio, li pensis, bezonas kapitalon. Respektege li elspiris al si la vorton kapitalo. Kaj jen! Maria Nikolajevna fariĝis kapitalisto.

Nu, en sia mansardo, Maria Nikolajevna melankolie meditis. En la ekstrema ĉambroparto la bofrato ronkis, sonĝante pri muelejoj. Sur stoko de paltoj lia grasa knabineto plendploretis en sia dormo. „Stomak-doloro", malŝateme diris al si Maria. „Manĝamaj porkoj, ili ambaŭ." Neniam ŝi vidis infanon plenŝtopi sin tiel! La samaj grasaj vangoj kaj globetaj okuloj kiel tiuj de la patro. Eĉ ne postsigno de ŝia kompatinda fratino. Ĉiuokaze, kian pretendon ili havas kontraŭ ŝi? Eĉ ne unu letero venis de ili ĝis nun. Kian utilon havas al ŝi dudek mil rubloj, se ŝi devas iri kun tiuj ĉi fremduloj? Kaj tiu georgia virino, kiel ŝi ĝojaĉis, kiam la verdikto efektiviĝis! Malpura kreaĵo, kun ŝia hipokrita edzo! Iom post iom, preskaŭ senkonsĉie, ŝi decidis. La monon oni devas egale dividi inter ĉiuj loĝantoj, junaj kaj maljunaj. La verdikton oni devas renversi. La „proletoj" trovis protagoniston.

Komencante kun motivo ne tute klara, Maria Nikolajevna trovis sin flamanta per la arda pasio de Johana de Arc. Ŝia arda parolmaniero decidigis la „proletojn" al novaj penoj. De fabrikoj kaj kluboj ŝi kolektis petoskribojn. Ŝi sieĝis oficejojn kaj antaŭĉambrojn de altaj komisaroj, kaj petegis ilin, kiel la vidvino el la Sankta Skribo.

Finfine oni ordonis novan proceson.

En la ĉeesto de ĉambro plenplena de laboristoj, la Apela Juĝistaro aŭskultis pri la tutaĵo de la proceso, elprovante ĉiun detaleton. Post tio venis la verdikto, saĝa kiel tiu de Salomono, ĉar ĝi ne sekvis la literojn de la leĝo, sed la spiriton de la Justo.

Legis la prezidanto-juĝisto, „Konsidere ke: la verdikto de la Popola Juĝejo baziĝas sur la malvasta klarigo de la leĝo, kiu determinas la rangon de la Asocioj de Loĝantoj, kaj ĝi neglektis taŭge konsideri la bazan principon de soveta juro, nome, ke la interesoj de la malriĉuloj kaj humiluloj estu protektataj, tial la verdikton ni deklaras nula. Pro la universala interesiĝo, kiun tiu ĉi proceso kaŭzis, ni volas demonstri la egalecon de ĉiuj civitanoj sovetlandaj, senrigarde al ilia sekso aŭ aĝo. Plue, ni ne volas permesi ke iu ajn ekonomia aŭ financa diferencigo funkciu malprofite al la pli malfortaj membroj de tiu ĉi komunuma grupo. Do, la Juĝistaro decidas, ke la premio estu distribuita egale inter la tridek „animoj" loĝantaj en la nomita domo."

La „proletoj" triumfis! Maria Nikolajevna iĝis heroino, al ĉiu, krom al sia bofrato.

Sed, kiel la bolŝevikoj ellernis, ne tiel facile oni povas ekzorci la demonon de kapitalismo. Post la unua konsterniĝo refortiĝis la kontraŭuloj. La onklo el Tifliso havis samlandanon altpostenan en la Komisarejo de Justo, en Moskvo. Iru do la proceso al la Superega Kortumo, en Moskvo, for de la atmosfero de popola agitado, kiu influis la Apelan Juĝistaron en Petrogrado, kaj tiam ĉio

## NOKTIĜO

John S. Dinwoodie

La luno preskaŭ plena la mondon nun ekregas;
Opalas ĝia dolĉa kaj delikata lumo,
Kaj ĝiaj radietoj renkonte ekkuregas
Al la vizaĝo brila de l' subiranta suno.

Forpasas la taglumo for de la firmamento;
La palaj lunradioj malvarme, senpasie
La arbojn, rokojn, herbon aspergas per arĝento
Misteroplena, sorĉa: silentas ĉio ĉie.

La steloj malatentas: similas la planedoj
Al la okuloj fiksaj de tera revemulo,
Por kiu sole gravas la grandaj subsekretoj
De la animo propra — ne vidas la okulo.

La lumoj de la homoj en urboj, kampoj, valoj
Formortas unuope: nebule forkurtenas
La teron kaj la homojn perlecaj rosvualoj,
Dum la reĝino luna la mondon trapromenas.

## APRILO

Árpád Tóth

Hej Aprilo, hej Aprilo
Flirta de facilo,
Bub' de faŭna maleolo,
Preta por petolo!
Laŭ transkapa via rulo
Placojn kovras polv-nebulo,
Flugas ruboj mil,
Vi disŝutas en aeron
Vibran vespon kaj fajreron
Kun parfum' kaj tril'.

Al branĉfino, ĝermi preta
Per verdpinta ŝvel',
Sendas vi, ke grimpu eta,
Lerta kokcinel',
Kiel supren al vel-ripo
Per facila brak'
Rampas eta bub' de ŝipo
En punktita jak'.
Gvatas ĝi pri l' horizonto:
Kiam lum-river'!
Flugilstreĉe al la Lumfonto
Zumas: Primaver'!

Agro dormi plu deziras,
Laca kamparan',
La herb-barbon al li tiras
Via veka man',
Poste vi per vent-kombilo
Kun miel-odor'
Kombas tra l'taŭzita vilo,
Krias: Pigro for!
Dorm' sufiĉas, sur la listo
Sekvas nova pen',
Hej, ĉu sonĝis vi, servisto,
Pri terpom' aŭ gren'?

En arbaroj tremas ride
Arbo kaj arbust',
Ilin tiklas vi senbride
Ĉe l' fajnhaŭta brust';
Ĉiu bosko estas rondo
De freneza bal',
Jen ankoraŭ mankas frondo,
Estas nur petal';
Dum la foliĝermo perla
Ŝvitas en akuŝ',
Jam petaloj flugas per la
Kisa vento, huŝ...

Super urbaj domoj glitas
Via lum-flugil',
Tra l'etaĝoj blindaj ridas
Radianta bril':
Kamentubo, torĉ' purpura,
Ardas ĝis frenez',
Blua sorĉ' knabin-okula
Estas la ardez'.
Dancas vi sur blu'kvadrata
Super korta ŝakt',
Kiel sur tapiŝo glata,
En facila takt'.

Lukon de tegmenta subo
Ĉe la strat-angul'
Vi briligas, kiel bubo
Pecon de spegul',
Falas, pum, la lum' al tero,
Sub malpuroj ĝem'
Jelpas, eble la polvero
Povra kantas mem.
Jen, gazetvendisto blinda,
Viva rub' de strat',
Mortajn globojn malferminta,
Ĝuas je l' sun-flat'...

---

statos bone. Kaj plie, li aldonis, la decido de la juĝistoj en la Superega Kortumo estas ĉiam la fina. Se ni gajnos en Moskvo, ĝi estos la fino, nenia plua renverso.

Do, fine, la proceso aperis antaŭ la kvin juĝistoj de la Superega Kortumo por la Sovjeta Unio. Neniaj kriegantaj atestantoj, nenia avide aŭskultanta publiko, neniaj pasiaj vortoj en tiu tribunalo. Trankvile, malrapide, la juĝistoj mense-pesis la donitajn faktojn, kaj malvarmsange frakasis la brilantajn revojn de ĉiu kooperano.

Ambaŭ malsuperaj juĝistaroj, diris la verdikto, kulpis malatentinte la esencan trajton de la proceso, nome, la rangon de la Asocio de Loĝantoj kiel Estaĵo aŭ Laŭleĝa Personajo. La rajto al la mono estas fiksita en la Asocio; do la monon oni devas dediĉi senegale al la celoj por kiuj la Asocio ekzistas, t. e., al la subteno de la koncerna loko, kaj la higienaj kaj kulturaj rimedoj por la bonstato de la loĝantoj.

Do, la Bonŝanca Domo en Leningrado povas brili per kahelitaj banĉambroj, kaj polu-

ritaj latunaĵoj, kaj elektraj lumoj, kaj gaje kolorigitaj muroj. Ĝi povas enhavi legoĉambron, kun busto de Lenin el eterne-daŭra bronzo, kaj la malpuran korton oni povas transformi en amuz-ĝardenon, kiun nobligos marmora statuo de Marks. Sed ĉu edziĝinta aŭ ne, plenkreskinto aŭ infano, neniu el la loĝantoj povas meti en sian individuan poŝon aŭ elspezi por sia propra celo eĉ unu solan izolan kopekon.

Ĉu tio ne estas la rakonto pri la Ora Fiŝo, kiun ĉiu ruso scias?

Malriĉa fiŝkapisto loĝis kun sia edzino en kabanaĉo ĉe la maro. Iun tagon li kaptis feinfiŝon, kiu, reciproke pro sia vivo, promesis al li kontentigi liajn dezirojn. La fiŝkapisto revenis hejmen kaj parolis al la edzino pri sia bona feliĉo. Ŝi ekdeziris elŝtonan dometon, bovinon kaj ĉevalon, korthirdaron, kaj porkon. La fiŝkapisto reiris al la marbordo kaj vokis la fiŝon, kies ora kapo tuj eliĝis el inter la ondoj. La deziro estis plenumita.

Sed la apetito de la virino grandiĝis kun la manĝado. Ne daŭris longe, ĝis ŝi sendis sian edzon postuli belan domon, kun spegul-vitraj fenestroj kaj pudritaj lakeoj. Ree la fiŝo plenumis la miraklon.

Sed la edzino ne kontentis. Ŝi leviĝis per rapidaj stadioj de riĉa burĝino ĝis nobelino, de nobelino ĝis carino, de carino ĝis tiu malproksima figuro, kies mezepoka famo atingis la barbaran Rusion, la papo de Romo, kiu havis la potencon devigi la plej fierajn monarkojn de la Kristanaro, ke tiuj agu laŭ lia volo. Jen la lasta miraklo! La grasa kampulino en la seĝo de Sankta Petro, kun la papa tiaro sur sia kapo.

Sed super la papo regas Unu Mastro. Ebria de ambicio, la virino avidis fariĝi Dio.

La lastan fojon ekbrilis inter la ondoj la ora kapo de la fein-fiŝo.

„Returne al via kabanaĉo!“ ĝi ekkriis, kaj malaperis.

Kaj la virino kun sia edzo reestis, kie ili komencis.

El la angla: G. *Saville.*

---

Ho Aprilo, ho Aprilo!
En lum-danca voj'
Min vizitu, buba filo
De l'eterna ĝoj'.
Foje, kiam jus matenis
Stranga printemp-tag',
Vi kaj mi ja kune venis
Al ĉi-tera vag':
Sur sun-kordoj sonis trilo,
Ora ham-sonat',
Vi, Lumido, ĉe l'lulilo
Staris, gaja frat'.

Ve, Aprilo, frat' petola,
Kie tiu sun'?
Velka bukedet' primola
Estas mia jun'.
Mi — ĉu vi ne paŭtas, kara? —
Iĝis renegat'.
Estas malsanul' amara
La iama frat':
Li jam metas por plezuroj
Pri l'printempa hor',
Kiel vitron al l'okuloj,
Triston al la kor'...

Ho Aprilo, frato suna,
Helpu min per gvid'!
Ree mi estu frat'pli juna
Kun obea fid'.
Mi sub arbo, dum kuŝado,
Trinku el la bril.
Dum vangbatos min cikado
Kvazaŭ el jetil',
Sur l'okulon florpetalo
Falos el la svarm',
Kaj sub ĝia silkvualo
Kaŝos sin la larm'...

Eble, dum la miel-flava
Suno dronos for,
Eĉ el brust' ruliĝos grava
Pezo: mia kor',
Refaladas ĝi malleĝe,
Sed, post tima prov',
Pilk' purpura, flugos certe
Post la suna glob',
Ŝvebos dance, glitos glate
En la ĉiel-blu',
Kaj, de l' nuboj balancate,
Ne doloros plu...

El la hungara: *K. Kalocsay.*

# La azeno de l' junaĝo

Andor Endre Gelléri

Vane! Eĉ pri ununura vintro mi ne rememoras, nek pri la neĝo aŭ la vento, pri nenio! Se mi diras: mia junaĝo . . . la Suno brilas. Fortaj radioj fandas, dissolvas la aeron; la montetoj, deklivoj kovritaj per verda herbo ridante kuras ĝis la horizonto, de kie arĝentaj nuboj min algapas. Kaj miaj nudaj brakoj kaj kolo tiel bakiĝas sub la arda suno, ke mia patrino diras: tiu ĉi Otto estas kvazaŭ bakita porkido . . . kaj nia maljuna Mami, la servistino, kiu dimanĉe per faruno pudras sian vizaĝon, pinĉas mian vangon: — Hejha — ŝi diras — frandaĵo.

Ĉe tio mi devas streĉi miajn muskolojn kaj peti mezurilon kaj noti la mezurojn en taglibro, en kiu sur la unua loko estas notitaj la muskol-mezuroj de la negra boksisto Johnson, por ke mi vidu, kiom da centimetroj kaj kilogramoj mi bezonas ankoraŭ por havi mondĉampionajn muskolojn.

Mi diras, nenie estas ombro, mallumo. En tiu aĝo la nokto kvazaŭ eĉ ne ekzistis por mi. La rivero respegulas la varmegon kaj la lumo de la radioj neniam estingiĝas el mia memoro.

Kaj mi marŝas sur la Viena-strato, dure, rapide, kvazaŭ mi havus ian celon. Tamen mi havas nenian, mi nur vetkuras kun mi mem. Poste mi haltas sur la angulo de la Pan-strato ĉe balaaĵkesto, ĉar post iu barilo tri knabinoj kliniĝadas, okuletas eksteren. Ili ridas kaj mi pensas, pri kio ridas ĉi tiuj, mi iras plu, kiam subite mia tuta interna mondo ekridetas kaj, dio scias kiel, ankaŭ mi ridas pli forte. Tiam unu el ili, bluvesta knabino, malfermas la ĝardenpordegon kaj kuraĝe min alrigardas. Poste elkliniĝas ankaŭ la du amikinoj kaj ankaŭ ili rigardas min. Mi staras, ridetas, mi pensas, frenezulinoj, kial vi min algapas! Je tio, kvazaŭ ili divenus miajn pensojn, ili fermas la pordegon, turnas la ŝlosilon kaj iras, unu post la alia, supren al la verando kaŝiĝanta en la flanko de la ĝardeno. Ili marŝas en blua, ruĝa kaj blanka vestaĵoj, sin kaŝas en la ombro de la verando, post la verdaj sovaĝvinber-folioj kaj kvazaŭ mi jam eĉ ne ekzistus, la unu brodas, la alia skribas ion, la tria malplektas sian hararon kaj komencas sin kombi. La bluvesta knabino kombas sian blondan hararon kaj prenas siajn harpinglojn inter siajn dentojn. Ŝi tordas sian hararon en malgrandan harnodon, kvazaŭ ŝi estus junedzino kaj dum ŝi tion faras, mia interna voĉo diras subite: mi ŝin amas. Kaj je tio ŝia bildo vojaĝas pli proksimen al mi, kvazaŭ ĝi surspirus min, alrigardus min varme. Poste la halucino min forlasas kaj mi estas terure enamiĝinta. T. e. tuj mi suprenpaŝas sur la urban balaaĵ-keston, la manojn mi svingas post mian dorson kaj mi lulas mian korpon kvazaŭ brigadestro. Mi parolas per miaj okuloj, kvankam el tia malproksimo oni ne povas vidi la rigardon kaj eĉ mi ne scias, kiel do mi alparolu ŝin, kiun tiom mi amas. Mi min balancas, dume sub mi preterruliĝas veturiloj ŝarĝitaj per brikoj, duradaj sinjoraj kaleŝoj, eĉ, min salutas ankaŭ la barbiero de mia patro, kies ĉiuj haroj jam estas grizaj, sed la lipharojn li farbas fulgonigraj. Kaj mi ne scias, kion mi faru. Ĉu mi min plu balancu kiel brigadestro, ĉu mi plu tenu malantaŭe kunplektitaj miajn torporiĝintajn fingrojn? Kaj ĉu entute mi descendu de sur la urba balaaĵ-kesto, kaj ĉu mi provu proksimiĝi al mia elektitino? Kaj se tiamaniere mi atingos la barilon kaj sonoriĝos, kiel mi komencu, kion mi diru: kion mi serĉas?

Grandaj, tre grandaj problemoj ĉio ĉi estis tiam! Ia malĝusta vorto, ia ofenda respondo aŭ mallerta frapado ĉe la pordo, kaj ĉio finita! Subite mi rimarkis malgrasan hundon, kiu trotante kuris de strato el strato, flarante tie kaj ĉi tie kaj poste denove ĝi trotis plu, kaj en ĉi tiu momento mi malkovris, ke tiu kompatinda hundo, kiun mi jam vidis antaŭ semajnoj, estas freneza migranto de la amo kaj ankaŭ mi povos fariĝi tia, se nun por io stulta mi malfermos la buŝon.

Do mi descendis de sur la urba balaaĵ-kesto kaj du-trifoje mi ektusis, ke mia gorĝo estu malfermita. Ankaŭ la klinkon mi premis, kvankam mi certis pri tio, ke la dametoj jus ŝlosis la pordon. Poste mi rigardis dekstren, kvazaŭ mi atendus iun de tie, kvankam sur

la lumŝutita vojo vidiĝis nenio alia, ol la veturilo de la pola sodo-fabrikanto, kaj li mem, paŝadanta kun arĝenta hararo, kun bastonego en la mano, apud sia azeno. Tiu ĉi azeno estis mia favorato, ĉar regule ĝi haltis antaŭ drinkejo kaj poste ĝia posedanto vane ĝin pelis por pluiro: ĝi nur staris, tremigis sian haŭton sub la pezaj batoj de la bastonego, sed ne moviĝis, kvankam ĝia mastro ĝin instigis en lingvoj hungara, germana kaj pola. Sed jen, eta muŝo flugis sur la orelon de la azeno kaj komencis viŝadi siajn fingretojn unu per la alia, aŭ diris per la flugiloj: ŝu-ŝu-ŝu ... kaj je tio azeno kvazaŭ freneziĝis, ĝi komencis kuri kaj post ĝi la arĝenthara mastro kun la bastonego, dum la sodo-boteloj, fermitaj en sia kvadrata kaĝo, interpuŝiĝante pro la skuado, ridaĉis per ventra vitrovoĉo. Iu aŭ alia sodobotelo eĉ fajfis. Troviĝis eĉ sodobotelo, kiu krevis pro la ridego.

Tiun azen-veturilon mi rigardis kaj la vido de la pola sodfabrikanto kaj de la verando min kuraĝigis iamaniere. Kaj la bluvesta damo ekiris al mi, la longaj margaretoj kiel kalvaj maljunaj fraŭloj, ekkaptadis ŝian jupon, ankaŭ la verdaj herboj kliniĝadis post ŝi, kisadante ŝiajn belajn, brunajn krurojn.

Ŝi haltis en la ĝardenpordo kaj ŝiaj brovoj estis ege maldikaj. Ŝiaj palpebroharoj kiel fleksiĝemaj fein-lancoj direktiĝis al mi, kaj el post ili, kvazaŭ du apartaj vivantaj estajoj, ŝiaj okuloj min rigardis.

— Ĉu vi volas? — ŝi demandis kaj el la siblado de tiu ĉi vorto tuj mi sciis, ke la fino de ŝia lango devas esti akra, ne tiel rondforma, kiaj ĝenerale estas la langoj, sed serpentdevena. Kaj ŝiaj dentoj, jes, certe, estas kvazaŭ dancantaj porcelanbeboj prenantaj unu la alian ĉe la mano. Granda malfeliĉo ne povas al mi okazi — pensis mia koro — mi rakontos al ŝi ĉion, mi ŝin demandos, ĉu ŝi volas fariĝi mia edzino? Alion mi eĉ ne demandos por la unua fojo, poste mi demandos la ceteron.

— Do — mi diris, kaj neniam oni kredus, kia ŝtonbulo povas esti unu vorto.

Ŝi ekĝemegis kaj el tio tuj mi vidis, ke ŝi devas esti tre saĝa, sagaca kaj bonvole mokema. Ho, ĝuste kion mi deziras.

— Kiun lernejon vi vizitas? — mi demandis.

— Nun ... la nenian. — Kaj ŝi priridis min.

Hu, mi koleriĝis.

— Bonvolu ne ridi — mi diris papavruĝe.

— Mi ne ridas — ŝi respondis per tia retiriĝa, obeema voĉo, kiel iu, kiu ne volas kun mi koleron, sed, laŭ mia konjekto, prefere la eternan amon.

— Nome mi vidis vin ĉi tie — mi komencis.

— Ĉu vere? — ŝi demandis kaj ŝi jam denove estis tiel moke tiklema.

— Kaj, kial mi venis ĉi tien? — mi daŭrigis sekreteme — divenu!

Do vere mi ne povis diri ion pli ĝustan. Kiom ĝis nun mi komprenas la virinan sekson, laŭ tio mi povas nur aprobi, ke mi faris la demandon tiel ruze-sagace, tiel kontentigante la virinan inklinon al misteroj. Ke ŝi ĝin divenu, ĉar tiamaniere almenaŭ ne mi devos ĝin al ŝi diri!

Mi venis en staton tiel sufokan, febran, eĉ surdan, tiom mi orelis nur je la respondo de la bluvestita knabino, ke mi eĉ ne aŭdis, ke post mi krakas veturilradoj kaj ektremas ankaŭ tiuj antaŭe viditaj sodoboteloj. Mi ne vidis, ke la pola sodofabrikanto ĝuste post mia dorso ekprenis la orelon de sia azeno, kaj volis ĝin tiregi plue. Mi rekonsciis nur je tio, ke malfermiĝas la buŝo de la bluvestita knabino, inundas tra ĝi senbrida ridaĉo, hihi kaj denove ŝi ridas: hihihi kaj je tio ŝiaj kunulinoj ekflugas el la verando kaj ankaŭ ili komencas: hihihi, hihihi, kaj kiam mi volas demandi: pri kio tiom ridegas la estimataj damoj, subite kun tia amara forto, ke preskaŭ krevas miaj oreloj, ankaŭ la azeno ekparolas inter virina ridego, dirante: i-iaaa!

Mi turniĝas kaj jen, la azeno, en rigida spasmo, rigardas rekte nur min, ĝiaj naztruoj tremas al *mi,* siajn kurbajn dentojn ĝi montras al *mi,* kaj, streĉante siajn kvar piedojn, denove ĝi ĝemas: iiiaaa! Al *mi* ĝi kriegas, speciale je mia honoro.

Kaj la polo turnadas sian bastonegon kaj grumblas al mi per nigraj dentoj, kaj la knabinoj ridegas, kaj la azeno daŭre nur kriegas al mi, kolektiĝas homoj, konatoj, ili vidas, kiel mi staras tie kontraŭ tri knabinoj, kun

la malfeliĉe krieganta azeno post mia dorso.

Mi ruĝiĝas, mi paŝas for de la barilo, for de la pordego, kie mi revis vidi anĝelon, kiu en blua vestaĵo promenis al mi inter la herboj. Mi iras; ho, kriegu do, mizera azeno, ridu do, strata popolo, ridegu do, virina sekso, ho, se nur mi ne amus ŝin tiom, ŝin, kies nomon mi eĉ ne scias. De mia frunto fluas la ŝvito, mi iras en la malvarmetan ŝtuparejon, eĉ miaj ostoj soifas, kaj tial mi metas mian buŝon sub la akvokranon, kaj tiom mi trinkas, tiom mi refreŝiĝas min, ke preskaŭ eĉ la krano glitas tra mia gorĝo. Poste mi sidiĝas sur la soleca kelŝtuparo, apogante mian trompiĝintan kapon per la pugnoj, mi rigardas la melankolian obskuron. Mi ĝin rigardas, kaj doloras, la unuan fojon terure doloras mia koro. Mi rigardas la obskuron de la kelŝtuparejo kaj mi vidas la lancajn palpebroharojn, la du viv-estaĵajn okulojn, ŝiajn brilantajn, dancentajn, interbrakumajn dentvicojn. Ha, mia tuta sorto sur la fundo de l' tombo! Mi naskiĝis vendrede, ha, eterne mi estos filo de missorto! Mi ŝin ekamis, mi estus tion konfesinta, ni vivus kune, ĝis blankiĝus niaj haroj, kaj kune ni mortus. Kaj tiam venas la grizhara azeno de la polo kaj ekkriegas, kaj venas ankoraŭ aliaj du fraŭlinetoj kaj min priridas. Kaj venas homoj, bovoj, stratirantoj, bestoj; ili ridas, mokas, ridegas kaj svarmas, kaj vespere ili iros al mia patrino: nu, ĉu Otto, je la diablo, amindumas?

Longe mi kuŝis maldorme. Tiunokte la Luno ludis Sunon, nur pli perlokolore, pli malvarme. Daŭre mi ploris kaj dume mi manĝis siteleton da pruno, kiun mia patrino portis hejmen por marmelad-kuiro. En la momentoj, kiam min tre naŭzis la vivo, la mondo, mi elsputis la kernon, hej, diablo prenu, ilin ja balaos nia servistino Mami; sed kiam momente mi kredis, ke morgaŭ ankoraŭ povos ĉio reboniĝi, tiam singarde, milde mi metis la prunokernon sur teleron. Poste mi recitis al mi ĉiujn versojn verkitajn de aliaj, kaj mi sentis, ke ĉiu poemo estas la mia kaj mi leviĝis en la frumateno por surpaperigi verkon de iu nia poeto, kvazaŭ ĝi estus mia propra. Poste ĉe la rozeca lumo de la aŭroro mi provis desegni la du brilantajn okulojn, iom poste ŝian nazeton, poste ŝiajn lipojn, kiujn pro kulpa deziro mi eĉ kisis sur la muta papero.

Sed poste, kiam mi ekdeziris la dormon kaj per tio ankaŭ mia pasio estis estingiĝanta, subite mi ekaŭdis la Jerihan trumpeton de la azeno kaj pro tio la marmor-muroj de mia amo disfalis, kaj malĝoje mi trastrekis la okulojn, buŝon kaj nazeton de mia feino. Poste en mian kapon venis priskribo, en kiu la trompiĝon mildigas la pipfumado, kaj el la kuirejo piedpinte mi elportis la pipon de mia avo, ĝin prenis en la buŝon, poste ĝin ekbruligis. Post nelonge, la blua fumo de la pipo ŝajnis min levi, dum la lito ne povis min sekvi, evidente ĉar ĝiaj piedoj estis el fero. Poste la pipfumo, kvazaŭ blua ursido, komencis transkapiĝadi en mia ventro, poste ĝi ekkuris kun mia kapo turdirekte, kaj entute per la flugiloj de tiu ĉi fetora pipfumo disflugis miaj membroj, sed mi nur fumis nesanceleble, ĝis vomemo elĵetis el mia buŝo la pipon kaj ĉion ceteran, kion ĝi en mi trovis.

Matene, kvazaŭ malfeliĉa estaĵo kunmetita el saŭrkraŭto mi sidis apud la tablo. Mia patrino ridetis, ŝi havis bonan sonĝon kaj mi ege ŝin koleris pro tiu rideto. Ankaŭ mia kara patro estis bonhumora kaj ankaŭ lin mi koleretis. Kiel viro li ja devus kompreni, li devus senti la malfeliĉon de alia viro.

Mi foriris erinace. Mi iris al la balaaĵ-kesto, morne, kun teruraj pensoj.

Mi atendis, miaj piedoj torporiĝis pro la atendado, la multaj maltrankvilaj pensoj kiel pingloj volis trabati la vandojn de mia cerbo. Subite oni min tuŝis ĉeŝultre. Estis unu el tiuj tri knabinoj. La blankvesta.

— Ĉu vi atendas je Nani? — ŝi demandis kiel vulpo.

Mia koro eksaltis alten. Ho!

— Ĉar ŝi jam forvojaĝis. Ŝia patro ŝin hejmenportis — finis la knabino pinĉeme.

Ekpendis miaj lipoj — sed mi ne ploris.

— Nu, kaj kio? — mi diris kaj facile mi ŝovis la manojn en la poŝon. — Nu, kaj kio? — Ĉu eble la fraŭlina moŝto kredas, ke tiu ĉi sciigo min interesas? Ej!

Mi komencis fajfi . . . kaj fajfante mi foriris de antaŭ la unua amo . . . Ĝi estis kurioza amo. Azeno kriegis malantaŭ mi.

El la hungara: *L. Tárkony.*

# LA SENCO DE LA VIVO

MICHEL ROBIDA

— Cu estas vi, Daniel? Cu fine vi?

— Jes, avo.

La knabo staris sur la sojlo, time, hezite. Oni estis veninta preni lin el la liceo, dum klashoro. Pastro Godefroy, la direktoro venis mem. Li kliniĝis al sia lernanto. „Via avo petas pri vi." Ĉi tiuj vortoj estis prononcataj mallaŭte, preskaŭ respektplene. La maljuna sinjoro Leroy-Gomez agoniis en sia bela privata domo el la belkvartala strato Faisanderie. Li petis pri sia nepo. Tra la vitroj de la aŭtomobilo, Daniel ekvidis plurajn sinjorojn starantajn sur la trotuaro. Verŝajne jurnalistoj, aŭ oficistoj de la banko, venintaj por informoj pri la sano. Li ne kuraĝis fari demandon. Apud li, sinjoro Martin, lia guvernisto, staris silente, kun vizaĝo gravmiena, laŭcirkonstanca. Daniel malfaldis sian ledan klaspaperujon, serĉis siajn gantojn. Inko makulis liajn fingrojn.

Tre rapide, oni igis lin supreniri la ŝtuparon. La halo estis plenplena de homoj. Supre de la ŝtuparo, li devis atendi kelkajn momentojn. Lia patrino premis lin en siajn brakojn.

— Via kompatinda avo fartas tre malbone, karulo. Li volas vin vidi. Vin solan, karulo. Vi devas ne timi.

Ŝajnis al Daniel, ke nuanco de respekto koloris tiujn vortojn. Timi? Li ne bone komprenis. Ĉu li timis sian avon? Kiom ajn malproksimen trafis liaj memorpensoj, li ne rememoris, ke li iam troviĝis sola kun li. Li vidis lin nur dum la familiaj tagmanĝoj, dum la festotagoj, sed eĉ somere, dum la libertempoj, kiam sinjoro Leroy-Gomez malsupreniris ĝis la marbordo, ĉiam akompanis lin sekretario aŭ servistino, por porti lian mantelon, lian faldseĝon, liajn gazetojn . . . Oni ĉirkaŭis lin. Kaj se, hazarde, la homo fama rigardis sian nepon, li nur tre malmulte parolis al li . . . La infano estis objekto de la vartistino, de la guvernisto . . .

— Se sinjoro Daniel bonvolas eniri . . .

La pordo fermiĝis milde malantaŭ li.

— Alproksimiĝu, Daniel, alproksimiĝu . . .

— Jes, avo.

La knabo trairis la grandegan, malluman ĉambron, venis ĝis la granda ebona lito, drapirita per purpura veluro . . . Sur la muro pendis ebura krucifikso, kaj apud la lito staris, duonkaŝita per la kurtenoj, granda Boulle-meblo kun komplikaj ferajoj. Kredeble la monŝranko. Daniel aŭdis tiom multe paroli pri ĝi dum la pastintaj tagoj! Liaj onklinoj, lia patrino diris mistere:

— Nenio farebla. La ŝranko staras apud lia lito . . . Patro ĉiam malpermesis . . .

— Sidiĝu.

La knabo tiris sidilon, dikan, remburitan fotelon ,en kiun li mergiĝis tiom profunde, ke li nur apenaŭ vidis la malgrasan vizaĝon kuŝantan sur la kapkuseno.

— Aŭskultu.

— Jes, avo.

Daniel sidiĝis laŭeble sur la brako de la fotelo kun la kruro kontraŭ la litligno. Li nur ne havu krampfon! Sed eble ne daŭros longe la afero.

— Mi volas paroli al vi. Bedaŭrinde, vi estas ankoraŭ iom tro juna. Mi esperis vivi pli longan tempon. Sed ne ni ordonas . . . .

La maljunulon skuis stranga eta rido, preskaŭ silenta, sed kiu movetis la littukon sternitan sur lia brusto. Li jam ne havis sian monoklon. Eble, li neniam portis ĝin en sia lito? Pri tio Daniel neniam pensis ĝis nun. Ĉi tiu manko ŝanĝis tiun aspekton de la vizaĝo, al kiu li kutimiĝis, forprenis iom de ĝia severeco, pliproksimigis ĝin, tiom, kiom la blanka amaso de la littukoj, de la kusenoj plihumanigis la maljunan nealireblan ulon, ĉiam strikte premitan en malhelkolora vesto.

— Via patro jam mortis, Daniel, vi restos sola kun via patrino. Via patrino . . . Nu, vi dependos de familia zorgantaro. Tial, mi ja devas diri al vi . . .

Tusego skuis la longa korpon, la vizaĝo purpuriĝis. Mano eliĝis el la littukoj, batis tra la aero kvazaŭ senespere.

— Ĉu mi voku iun? demandis Daniel kun timego. Lin feliĉigus ĉeesto de alia persono. Ĉu tiu ĉi viro mortos tiel antaŭ li? Li memo-

ris pri frazo de sia vartistino: „Mia edzo? Li forpasis dum astmokrizo.“ Ĉu estas tiel? Daniel ja sciis, ke lia avo estas astmomalsana. „Kiel tiu kompatinda Marcel Proust“, kutimis aldoni lia patrino, ne sen ia fiero.“ Kiam ni vizitis lin, en strato Hermelin, li ĉiam sendis serviston, por ekscii, ĉu ni parfumis nin aŭ ne. Tion li timis tiom, kiom la florojn . . .“

Per sia energie svingita mano, la maljunulo rifuzis ĉian helpon. Perpleksa, Daniel residiĝis sur la fotelbrakon, ĉar li ne sciis, kian sintenon li havu. Glaso, kristala karafeto, medikamentoj staris sur tableto. Eble, necesis prezenti glason al la malsanulo? Tro bone edukita, tiu knabo perdis ĉian iniciatemon antaŭ plenkreska aŭ maljuna persono. Se li nur povus esti aliloke . . . Fakte, li malmulte interesiĝis pri tio, kion malkaŝos al li lia avo. Aŭ, pli ĝuste, li tion timis. Ĉiaspecaj stultaj hipotezoj eliĝis el ombro, tentis lian imagon. Maljunulo sur sia mortlito . . .

Li kredis aŭdi la voĉon solenan: „Infano, mi devas diri al vi pezan sekreton . . .“ Eble, li estas nelegitima infano? Sed, tiam, lia patrino? Kaj lia patro, mortinta kelkajn jarojn antaŭe? Aŭ ĉu adoptita infano? Li kortuŝiĝis pri sia sorto. Oni pelos lin, forpelos, antaŭ la tuta familio. Li jam vidis sin malsupreniranta la ŝtuparon. Estos tre bele. Li ne protestos, levos alten la kapon. Sed li devos lasi sian klaspaperujon. Ne . . . lia patrino, antaŭ momento, ankoraŭ diris: „Via avo petas pri vi.“ Do ne tio. Pli ĝuste afero familia. Li estas la viro, la heredonto. Kion li tuj ekscios? Ian teruran sekreton. Krimo, ŝtelo, ĉe l'origino de ilia fabela riĉo. Kion li faros? Estos bone konsiliĝi kun Pastro Godefroy. Li povos disdoni ĉion ĉi al la malriĉuloj. Li jam imagis sin, sur la perono de la luksa domo, distribuanta siajn malavarajojn. Sed lia patrino, liaj onklinoj, ja tiom malŝparemaj, kio ili iĝos en la afero? Ili malhelpos lin. Ĉio ĉi estis komplikita. Kaj kiom da supozoj stariĝitaj en kelkaj sekundoj . . . Dume, la maljunulo kvietiĝis.

—Urĝas, li murmuris fine.

Estiĝis silento, kiun Daniel kuraĝis trabreĉi. Li ja sciis, ke estus oportune demandi sian avon, ĉu li pli bone statas. Sed lia voĉo ne trairis liajn lipojn.

— Urĝas, rediris ankoraŭ la maljunulo. Vidu, li daŭrigis, se mi tiom prokrastis la momenton por paroli, estas tial, ke mi volis, ke vi estu en tia aĝo, ke vi povu kompreni min. Ne tial, ke tio, kion mi havas por diri al vi, estus komplika. Neniel . . . Male, ĝian konfeson malfaciligas eble ĝia eksterma simpleco. Alproksimiĝu, Daniel, alproksimiĝu . . . Ĉu vi min aŭskultas?

— Mi aŭskultas vin, avo.

La knabo tiris iomete la fotelon. La jukoj pliintensiĝis en la dekstra kruro. Kion dirus avo, se li perdus la ekvilibron?

— Vidu, daŭrigis la maljunulo, estas tre simple. Oni jam multe parolis, oni ankoraŭ multe parolos al vi pri tiu riĉo, kiun vi heredos. Nu! ĝi estas malmulto . . .

Ĉu tio? Daniel imagis malsukcesojn, ruiniĝon. Temos nur pri nova rolo ludota. Li malmulte konis la valoron de la mono. Al neniu ĉirkaŭ li, iam mankis mono.

— Malmulte, ĉar vi ĝin perdos. Ho! vi ne povos konstraŭstari. Tuta mondo baldaŭ malaperos. Mi estas, kredeble, unu el ĝiaj lastaj reprezentantoj . . .

La mano ankoraŭ svingiĝis, furioze.

— Ni daŭrigu . . . Ne tie kuŝas la ĉefafero. Estas aliaj aĵoj, tute aliaj ol mono. Daniel, necesas, ke vi sciu: nura fakto gravas, unu nura . . . la senco de la vivo. Ha! kiel klarigi al vi tion? Vi devas esti akorde kun vi mem. Akorde kun vi mem, Daniel, memoru . . . Oni diros al vi, ke mi estis malmilda, ke mi amasigis grandegajn sumojn. Tio estas vera. Sed la monon mi neniam amis. La vivon mi amis. Kaj ĉi tiu estis konkera, superrega vivo. Kiam mi debutis, Ameriko estis jam ne malkovrota. Sed restis prenota la tuta mondo . . . Per la mono. Tiun mondon mi tenis inter la manoj tiom, kiom estas eble al homo. Kaj tio estas nenio . . . absolute nenio . . . Nur malpleno, sen intereso. Kion vi devas kompreni, tio estas, ke tiu mono estis nur rimedo. Aliaj profitis el ĝi. Via patro, viaj gepatroj, eble vi. Ne mi . . . neniam mi. Nur triumfon mi volis. Kaj triumfon mi havis. Mi deziris esti la unua, la plej forta. Tia mi estis. Sed, Daniel mi volas konkludi la jenon: devas enhavi tiom da ĝuo esti la plej humila, la plej malforta, se tion oni deziris. Ĉefafero estas akordiĝi sian deziron kun siaj rimedoj. Ĉar ekzistas nur uno ĝojo, Daniel: la interna

paco. Estigu ĉiam pacon kun vi mem. Estas en vi voĉo, kiu senĉese apartigos la bonon kaj la malbonon. Nomu ĝin konscienco, prudento, tio ne gravas. Nur ĝi kapablas mildigi tiun suferon, tiun soifon, kiu konsumas nin. La senco de la vivo, Daniel, jen tio, kion vi devas trovi. La senco de via vivo . . .

La osta vizaĝo, momente stariĝinta, refalis sur la kusenon.

— Kaj kompreneble, aldonis la maljunulo malbonhumore, vi nenion komprenis. Nun, iru, foriru . . . mi ne plu bezonas vin. Vi repensos pri ĉio ĉi multe pli poste.

Kaj dum la knabo foriris, lia avo vokis lin denove:

— Diru al' la aliaj, ke vi estas mia heredonto, li kriis krude. Ili ne petos pli multe.

Ili efektive ne petis pli multe.

. . . Kuŝante sur divano, Daniel miris pro la forto, per kiu tiuj memorpensoj invadis lin. Jam tiom malproksime! Dudek jaroj almenaŭ jam forpasis. La infano estis nun viro, kaj jam de jaroj li forgesis la vojon al la tombejo, kien, iam, kun granda pompo, unua el la funebrantaro, li kondukis sian mortintan avon. La luksdomo de strato Faisanderie estis vendita. Impostoj, servistaro . . . Ha! nun la vivo estis alia. Antaŭ nelonge, pasante antaŭ la familia domo, li miris pri la senkurtenaj, tralumantaj fenestroj! Tra ili, li ekvidis blankajn plafonojn, metalajn lampojn. Eĉ la plafonfakoj estis lakitaj. Ĝi estas nun komitatejo, fili-domo de ministrejo . . . Viroj iris tien kaj reen en la korto; ili ne povis pensi, ke la bruo de iliaj paŝoj sur la gruzo vekas en la pasanto staranta sur la sojlo tiom da memorpensoj de l'infan-aĝo. Neniu el ili sciis nun, kiu estis sinjoro Leroy-Gomez. Eble, se oni insistus, ili kapjesus: „Ha jes, la maljunulo, kiu loĝis ĉi tie . . .“ Jen ĉio.

Daniel turniĝis kolere sur la divano. Tiujn pensojn li ne bezonis. Kial ĉi-vespere? Ja kial ĉi-vespere? . . . Tiom da zorgoj jam pezis sur li! Li lumigis tablolampeton. La foto de Marianne aperis. Maldika silueto, vestita per veluro; delikata kolo kliniĝanta sub la perlovicoj; vizaĝo kun kavaj ombroj, truita de lumaj okuloj. Ĉu vere estas eble suferi tiom pro tiel malforta estulino? Sed li preskaŭ aŭdis la voĉon malmildan, sektonan:

— Mi ne kapablas plu, Daniel, jam sufiĉas. Vi eble povas kutimiĝi al tia vivo. Mi ne. Mi estas laca suferi, mi estas laca de tiu enuo, de la malriĉo, de la mizero, kiuj ĉirkaŭas kaj premas nin. Mi volas esti feliĉa. Mi estas destinita por feliĉo. Kaj mi jam ne havas tempon por atendi. Mi estas pli ol tridekjara, Daniel. Tridek jaroj, kaj ni perdis kvin jarojn. Mi bezonas lukson, komforton, kaj ĉefe, mi bezonas esti feliĉa sen bedaŭroj. Mi bezonas vestiĝi ne suferante pro la eluzitaj vestoj de la malriĉuloj, kiujn mi renkontas surstrate. Mi bezonas manĝi piron, grashepatajon, ĉion, kion mi deziras, ne pensante pri la kompatindaj virinoj, kiuj vice star-atendas dum horoj. Mi bezonas facilan vivon, Daniel. Mi scias, ke mi estas malforta, egoista, malkuraĝa, konsentite pri ĉio. Sed mi ne eltenas plu, mi ne eltenas plu. Mi kutimiĝis al alia vivo. Kaj mi ne kapablas adaptiĝi al ĉi tiu. Aliaj landoj ekzistas, kie mi havos tion, kio mankas al mi, kaj tuj. Mi jam ne havas tempon por atendi, Daniel. Poste, mi estus maljuna.

Li tiam rigardis ŝin. Ĉu ŝi kapablos maljuniĝi? Ĉu ŝi scios maljuniĝi?

— Ne, Daniel, ne proponu al mi vojaĝon. La antaŭvido de l' reiro ne lasus al mi ripozon. Mi volas foriri komplete, definitive. Mi volas forrompi kun ĉio, kion mi amis, ĉar mi jam ne povas ĝin tuŝi. Mi havas la impreson postvivi min, vagi meze de tombejo. Niaj domoj estas fermitaj, forlasitaj. Niaj ĝardenoj plenas de herboj. Kreskas legomoj en la bedoj. Kio donis ĝojon al nia vivo, ĉio estas detruita, frakasita. Niaj kolektoj dissemitaj. Restas nenio, nur memoreroj. Por remaĉi la pasinton, mi estas tro juna; por debuti en nova vivo, tro maljuna. Tion ne petu de mi, Daniel. Ĝi superus miajn fortojn. Kion vi povus diri al mi, ĉion mi jam pensis. Mi scias, ke mi estas malkuraĝa. Sed mi scias ankaŭ, ke aliloke mi povos revivi. Post kelkaj monatoj, mi forgesos . . .

La argumentoj de Daniel polveriĝis kontraŭ ŝi. Kontraŭ liaj riproĉoj, petoj, promesoj, Marianne kontraŭmetis volon obstinan, motivitan, neatakeblan. Li lasis ŝin prepari sian foriron. Ŝi iros al Brazilo, poste eble al Havana, kiom eble plej malproksimen . . . Ŝi forlasis siajn aĵojn kun speco de korŝira ĝojo. Li ne komprenis ŝin.

Li promesis al ŝi akompanon. Nun, ŝi tuj foriros. Kaj li sciis, ke li baldaŭ perdos ŝin, ĉar li ne kuniros kun ŝi. La imago de la delikata korpo, kiun li neniam plu tenos inter siaj brakoj, lin preskaŭ svenigis. Sur la foto, Marianne ridetis mokeme, sensente. Daniel palpis en sia poŝo la pasporton, la senutilan vojaĝbileton. Li ne foriros. Lin tenis aliaj ligiloj, kiujn rompi li ne sentis la forton. Resonis vortoj, kies eĥon li rekonis. „Ekzistas en vi voĉo, kiu senĉese apartigos la bonon kaj la malbonon. Nomu ĝin konscienco, prudento, ne gravas..." Kiel ordone ĝi nun diktos al li lian devon! Sed kiu devo kapablas konstraŭstari al nia deziro? Je nomo de kiu? Je nomo de kio?... „Nomu ĝin konscienco, prudento, ne gravas..." Ĉu ni estas la sklavoj de supera volo, aŭ la kondukantoj de nia destino? „Ne ni ordonas, Daniel..." La voĉo de l' maljunulo, kiu tiom luktis, tiom multe posedis, respondis al ĉio. Ĉu tion volis komprenigi al li lia avo? Daniel memoris pri la seniluzia krudeco de l' mortanto: „Kaj komprenEble, vi nenion komprenis... Iru; foriru... vi repensos pri ĉio ĉi multe pli poste."

Ĉu estis nun la konvena tempo? Tiu ĉi vespero estis peza, prema. Ĉu li devis ankaŭ konsenti, ke li nun alvenis al tiu punkto de sia ekzisto, kiam li povas fari sia la penson de la avo? Marianne, Marianne... La juna virino malproksimiĝis, enprofundiĝis en nebulajon pli kaj pli densan. Restis preciza nur ŝia rideto vaksiĝinta, nedivenebla. Male, la voĉo de sinjoro Leroy-Gomez, komence malforta, susura, iĝis pli kaj pli preciza, klara. Ĝi truis la ombron, trudiĝis. „La senco de via vivo. Daniel, nur tio gravas. Ĉar estas nur unu ĝojo..." La senco de la vivo... Daniel sin pridemandis. Estis ja malfacile. Lia vojo estis trasemita de malhelpajoj. Li ja kelkajn el ili venkis. Aliaj venkis lin. Sed laŭeble, li sekvis rektan linion. Kaj guste tial li sciis, ke li ne kuniros kun Marianne. Lia foriro koliziis kontraŭ tiu malnova nocio pri devo ordona, senkompromisa, kiu venis al li de antikvaj, pasintaj tempoj kaj akompanis lin, paŝo post paŝo, de post lia infanago. Tro malfrue nun senbalastiĝi. Li kredis, ke li povas eskapi de tiu nocio kaj elgliti... Ĝi nun reprenis lin.

Marianne, Marianne... Nun, li apenaŭ distingis ankoraŭ ŝian voĉon. Malfortan murmuron, kvazaŭ feltan, treege neklaran. Li perdas ŝin, li tuj perdos ŝian amon. Sed ŝi montriĝis tiel malmola, tiel gisfunde egoista! Ŝi aŭdacis prononci kruelajn vortojn, pli ol kruelajn preskaŭ monstrajn.

Kaj ĉio ĉi estis nur trompo, la amo ne estas demando pri karaktero. La deziro ja mokas la kruelecon. Foje, eĉ, ili akrigas unu la alian. Sed ekzistas unu aspekto de tiuj suferoj, de tiu mizero, kiun Marianne rifuzis vidi, sed kiun Daniel lernis ekkoni. La vivo plej ofte kirlas la virojn. Ĝi kelkfoje lasas la virinojn en iliaj kastoj, en iliaj fakoj. Marianne, Marianne... Marianne fuĝis. Se ŝi fuĝas, ŝi estas perdota, perdota por Daniel. Tion li sciis, tion li de ĉiam sciis. Li restados sola kun la pezo de senutila amo. Sola... Sed, iam, li konfesos, ke tiom da peno, tiom da klopodoj havis nur unu celon: esti akorde kun si mem. Se li foriros, se li cedos al tiu malkuraĝa ago, estos finite pri ĉia paco... „Kaj estas nur unu ĝojo, murmuris ankoraŭ la voĉo de la maljunulo, de la agonianta maljuna ĉioĝuinto, kaj ĉi tiu ĝojo estas en vi mem. Daniel, memoru... Memoru, unu nura ĝojo... la interna paco..."

El la franca: *Roger Bernard.*

**Michel Robida** (*1909 ekiris komence juristan, poste jurnalistan karieron, publikigis noveletojn, raportetojn. Dum la milito prizorgis kaŝitan radiofonion; arestita de la Gestapo, li estis enkarcerigita en Fresnes. Post la liberiĝo li fariĝis direktoro ĉe fako de la franca radiofono, publikigis kelkajn romanojn, inter kiuj „La tempo de la longa pacienco" ricevis la „Prix Femina" en 1946. Ĝi estas iel biografio pri lia aktivo dum la germana okupado, kaj pentraĵo pri la burĝaro franca. Ankaŭ la supra novelo skizas la saman medion, montrante, ke ekzistas homoj, kiuj povus eskapi el la patruja mizero postmilita, kaj ili tamen ne scias tion fari, sentante, ke ilia devo troviĝas tie (R. de tr.).



# LINGVO

## „Simpligita Esperanto“

Jam de kelka tempo pastro J. Kubacki en Milwaukee, Usono, superŝutas la esperantistaron per cirkuleroj, lingve ne senriproĉaj, en kiuj li pledas en demagogia maniero por nova esperanto-ortografio de li inventita.

Laŭ mi, li havas nur unu taŭgan argumenton por sia propono de sensupersigna alfabeto: nome ke la supersignoj kaŭzas tre grandajn, provizore ofte nesupereblajn malfacilaĵojn por presejoj kiuj uzas linitipon.

Mi ne kapablas vidi, ke la angla alfabeto estas simpla, ĉar ĝi posedas 26 literojn, kaj ke la tradicia esperanta aboco estas malsimpla ĉar ĝi havas 28. Tio evidente estas frenezaĵo. La tuta malfacilaĵo troviĝas en tio, ke la presejoj estas adaptitaj al la angla aboco, kaj ne al la esperanta, kiu ne uzas 4 literojn de la angla alfabeto, sed posedas 6 kiujn la angla ne havas.

Plej demagogiaj, sendube, estas liaj asertoj pri la granda tempoperdo, kiun kaŭzas la maŝinskribado de la supersignitaj literoj. Mi nombris la supersignoj en normala teksto (du artikoloj en Heroldo), kaj trovis, ke en tiuj du artikoloj, kun entute ĉirkaŭ 4800 literoj, estis 102 supersignoj, do el ĉiuj 100 literoj iom pli ol 2 havas supersignon. Ni diru do, ke se mi povas maŝinskribi normalan esperantan tekston en 60 minutoj, mi povus skribi ĝin laŭ la ortografio de s-ro Kubacki en 58 minutoj.

Mi tamen konstatis, ke unu el liaj argumentoj havas valoron. Kaj ni konstatu, ke ĝi estas grava argumento. Pro tio ni konsideru la problemon atente.

Unue ni konstatu, ke la ortografio, kiun pastro Kubacki proponas, ne estas konsiderinda, ĉar unue li uzas unu saman signon por ĵ kaj ĝ (nome j), kaj due li ne havas signon por ĥ. Ni, kiuj konas Esperanton, scias, kie j devas esti prononcata kiel ĝ, kaj kie kiel ĵ, escepte se ni renkontas ĝin en de ni ankoraŭ ne konata vorto. Sed kiel tion sciu, kiuj ankoraŭ devas lerni Esperanton?

Kvankam, do, la solvo de s-ro K. ne estas akceptebla, ni povas konstati, ke tamen pluraj solvoj eblas. Ĉar ankaŭ Teo Jung tuŝis ĉi tiun problemon en Heroldo de Esperanto (16—4—1948), mi tuj diru, ke miaopinie ortografioj, kiuj povas veki dubon pri la ĝusta prononco de diversaj vortoj, pro tio ke unu litero aŭ literkombinaĵo prononciĝas jen tiel, jen tiel ĉi, estas nepre ne akcepteblaj. Ĉiuokaze multe pli grava ol la vortbildo estas la fonetikeco, la unusenceco de la ortografio. Ĉu la vortbildo estas pli grava ol la solvo de finfine pasaj kompostaj malfacilaĵoj, aŭ inverse, tiu demando restas por respondo.

Jen kelkaj solvoj, kiuj konservas la principon de la fonetikeco de la ortografio:

1. Oni povas anstataŭigi ĉiujn supersignitajn literojn per duliteraj kombinaĵoj. Unu el tiuj du literoj povas esti la sama en ĉiuj kazoj, kaj devas ne havi en Esperanto memstaran sonvaloron. Ekzemple ni povus uzi: xc, xg, xh, xj, xs, xu, aŭ cx, gx, hx, jx, sx kaj ux, aŭ anstataŭ x unu el la literoj q, w kaj y, por reprezenti respektive: ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ kaj ŭ. La signoj *super* la literoj c, g, h, j, s kaj u do estus anstataŭataj de signoj *antaŭ* aŭ *post* la nomitaj literoj.

2. Oni povas anstataŭigi kelkajn supersignitajn literojn per kelkaj el la ankoraŭ disponeblaj literoj, kaj por la ceteraj apliki la sistemon sub 1. Ekz. ĥ = x (kiel en hispana kaj rusa), ŭ = w, ĉ = cy, ĝ = gy, ĵ = jy, aŭ eble prefere: zy, ŝ = sy.

Sed ankaŭ tute alia solvo estas ebla, pro la fakto ke Esperanto havas nur 25 sonojn, kaj la normala alfabeto havas 26 literojn. En tiu kazo ni havus ekzemple:

3/a. ĥ = x, ŭ = w, j = y, ĵ = j, ŝ = c, c = ts, ĉ = tc, ĝ = dj, aŭ eble prefere

3/b. kiel 3/a sed kun j = j, ĵ = y, kaj ĝ = dy, ĉar tiel ni malpli fuŝas la vortbildon. Tiel ni severe aplikus la principon: al ĉiu unu simpla sono respondu unu litero, kaj inverse.

Kaj nun ni rigardu la alian flankon: Kio estas la prezo kiun ni devos pagi, enkondukante unu el ĉi tiuj ortografioj? La prezo estas fuŝo de l' konata vortbildo. Precipe ĉe la akcepto de unu el la solvoj 3/a kaj 3/b, kiuj teorie estas tre allogaj, la internacia vortbildo tre suferus pro la anstataŭigo de ts per c. Ni povus tamen eviti tion, ĉar ankoraŭ ni havas unu disponeblan literon. Tio ebligas la solvon:

4. c = c, j = j, ĥ = q, ŭ = w, ŝ = x, ĵ = y, ĉ = tx, ĝ = dy.

Ni rigardu kelkajn vortbildojn laŭ tiuj diversaj proponoj:

La vortoj: *ĝoji, kaŝas, streĉa, ŝanĝiĝi, ĝardeno, ŝaŭmaĵo, ĉirkaŭaĵo* aspektus

Laŭ 2.: *gyoji, kasyas, strecya, syanggyigyi, gyardeno, syawmajyo, cyrkawazyo;;*

Laŭ 3/a.: *djoyi, kacas, stretca, candjidji,, djardeno, cawamajo, tcirkawajo;*

Laŭ 3/b.: *dyoji, kacas, stretca, candyidyi, dyardeno, cawmayo, tcirkawayo;*

Laŭ 4.: *dyoji, kaxas, tretxa, xandyidyi, dyardeno, xawmayo, txirkawayo.*

Krome, laŭ 3/a: oni havus: *natsio, sotsio, tselkonstsia, tsent, tsirkonstantso; Yesuo, yuglandoy, yustay, Yohano.*

Ni ne subtaksu la malavantaĝon de la fuŝo de l' internacia vortbildo. Aliflanke, tamen, ni ankaŭ ne supertaksu ĝin. Ja la estonoj ankaŭ transskribis por si la literon c per ts (sotsiaalminister, atsetüülamiid (acetilamido), tsellofaan, kondensatsioon, destillatsioon). Do, en kazo de neceso ni povus tion fari ankaŭ en Esperanto. Sed, kiel montras la solvo 4, ne estas nepre necese foroferi la nunan kaj tradician sonvaloron de de la litero c. Se ni devus decidi pri *definitiva* ŝanĝo de la esperanta ortografio, mi persone preferus la solvon 4.

Tre zorge ni pesu la argumentojn por kaj kontraŭ, avantaĝojn kaj malavantaĝojn. Ni provu diversajn ortografiojn eblajn en pli longaj tekstoj, precipe ankaŭ en sciencaj tekstoj, ĉar en tiaj troviĝas plej multe da internaciaj terminoj.

Tre grava estas la demando, ĉu ĉi tiu tuta problemo estas pasa, ĉu ni povos atendi ke, kiam Esperanto estos pli ĝenerale aplikata, oni solvos la teknikan problemon farante kompostmaŝinojn kun pli granda nombro da literoj, kiel antaŭdiris en kunveno la konata nederlanda presisto kaj eldonisto de esperantaĵoj, J. Muusses. En tiu kazo ni eble povus trovi ian provizoran solvon. Ekzemple oni povus presi anstataŭ signon super la litero, vertikalan akcenton antaŭe-supre de la litero, en tia maniero, ke la interspaco inter du sinsekvaj literoj estu kiel eble plej malmulte pli granda ol la normala interspaco, do jene:

'goji, ka'sas, stre'ca, 'san'gi'gi, 'gardeno, 'sa'uma'jo, 'cirka'ua'jo, 'jurnalo.

Kiel ajn: antaŭ ol demagogie propagandi, antaŭ ol distrumpete reklamaĉi nepre netaŭgan ortografion, ni zorge pristudu la problemon; de ĉiu ebla solvo ni konsideru la avantaĝojn kaj la malavantaĝojn; ni estu konsciaj, ke fakte temas pri nur du aferoj: preseblec̈o kaj vortbildo; kaj fine ni ne forgesu, ke revolucia ŝanĝo en la Esperanto-ortografio en la nuna stadio estas por la Esperanto-afero riska entrepreno. Ni konu nian respondecon. *Petro Rulofido.*

### Demeti la ĉapelon

La cirkuleroj de J. Kubacki do ĵetis grandan ŝtonon en la lagon de la esperantologio: nun ringas la ondoj. Sincere, mi tion ne supozis, kiam mi senzorge flankenmetis tiun cirkuleron. Sed sekvis la cirkuleroj de Olafur S. Magnusson,* sekvis la artikolo de T. Jung en la Heroldo, sekvis nun la ensendita artikolo de s-do Rulofido, do se ni ne volas ŝajni „insulo", ni devas iel partopreni en tiu granda ekscitiĝo. Kaj tion ni faris nun per la publikigo de la supra artikolo.

Tuj mi diras, ke al neniu el la proponoj de tiu artikolo mi aŭguras sukceson. Mi vetas, ekzemple, ke en Esperanto neniam oni skribos: *tsivilizatsio* aŭ *txirkawayo*.

Kiel s-do Rulofido prave diras, la tuta problemo estas nur pasa. Se Esperanto venkos, nenio malhelpos uzi la plej perfektan sistemon, t. e. la nunan.

Tamen, oni povus pensi pri tio, ĉu oni ne povus fari ian provizoran solvon por presejoj, kiuj ne havas la ĉapelitajn literojn. Kiel sciate, tian solvon proponis Zamenhof mem per la rekomendo de la litero h post la literoj ĉapelbezonaj. Tiu eblo ne estis utiligata, certe pro tio, ke unue, la uzo de *h* montris ian mankon, pri kiu oni simple hontis; due, *jh* kaj *hh* aspektis tro strangaj por esti uzataj.

Sed, laŭ mia opinio, *sh, ch, gh* perfekte taŭgas por anstataŭi ŝ, ĉ, ĝ. Certe: *ghardeno, shanghighi, rughighi, ghojo* estas formoj pli naturaj ol iu ajn el la diversaj proponoj, kaj *charma, shipo* estas rekte allogaj. La rompo de la principo „unu litero — unu sono" ne estas granda malfeliĉo, ĉar tiuj literparoj neniam troviĝas kune en la interno de la vortoj, kaj ĉe vortkunmetoj oni povas apliki dividstrekon (pac-himno, kas-horo, sag-herbo).

Restas do solvi la problemon de ĵ, ĥ kaj ŭ.

La solvo: ĵ = j, j = y — estas nepre malbona, el tri kaŭzoj. Unue, ĉe provizora, alternativa solvo oni ne povas ŝanĝi la sonon de uzata litero, ĉar tio estigus konfuzon. Due, en la j-riĉa Esperanto malagrable svarmus la peza litero *y*. Trie: *Yesuo* aŭ *Yohano* nepre malplaĉas.

Male, la solvo: ĵ = y, j = j —estas apenaŭ riproĉebla. Tio, ke *y* en neniu lingvo havas tiun sonon, ne estas grava kontraŭjo.

Por ĥ sin proponas du solvoj: *q* aŭ *kh*. La lasta ŝajnas pli akceptinda, preskaŭ fonetika (khoro, kholero).

Restas ankoraŭ ŭ. Nu, la vortoj *law, morgaw, apenaw, baldaw* aspektas tute bone. Male: *awdi, awskulti, alawdo* estas netolereblaj. Eble oni povus helpi pri tio tiamaniere, ke oni uzus *w* nur vortfine, kaj oni farus la regulon, ke interne de vorto post *a* aŭ *e* ĉiu *u* estas ŭ.

Ni havus do: *ghoji, kashas, strecha, shanghighi, ghardeno, shaumayo, chirkauayo, yurnalo, automobilo, hieraw.*

Jene, parte sur la Zamenhofa bazo, oni povus trovi solvon, kiu ne tushas malagrable per la ekzotika aspekto de la tekstoj, kaj apenaw shanghas la latinidan ortografion.

Mi estus tre felicha, se oni akceptus chi tiun solvon. Char tiam kvietighus la ondado de la akvo, chiu trankvilighus, kaj senprobleme uzus plu, mi yuras, tiujn ekstermindajn chapelitajn literojn. *K. Kalocsay.*

* Li proponas: ĉ = ch, j = y, ĵ = j, ĝ = q, ŝ = sh, ŭ = w, ĥ = x.

# O B S E R V O

**Romano pri norda popolo.**

La romano de T. Semuŝkin, „Alitet foriras en la montaron", rakontas, kiel komenciĝis la konstruo de nova vivo sur la duoninsulo Ĉukocki, situanta en la ekstrema nordorienta parto de Sovjetio. Ĝis nun aperis nur la unua volumo.

T. Semuŝkin estas edukisto, kiu pasigis preskaŭ ok jarojn en tiu regiono. Li studis ĝisfunde la morojn kaj kutimojn de la ĉukĉoj kaj lernis ilian lingvon. Li trakomprenis la psikologion de tiu popolo kaj ekamis la krudan naturon de tiu norda lando de senfinaj tundroj.

La romano komenciĝas en 1916, kio ebligas al la aŭtoro montri en konvinka maniero la situacion, en kiu iam vegetis la ĉukĉoj, kies nivelo de evoluo estis ekstreme malalta. Ili ne havis skribon. Primitivita ekzisto

barbaraj superstiĉoj, regado de ŝamanoj, jen estis ilia sorto, kaj, por kiuj tio estis avantaĝa, tiuj zorge gardis, ke ĝi ne ŝanĝiĝu. La koloniantoj de tiu lando estis rusaj komercistoj kaj amerikaj industriuloj. Ili rabe ekspluatis la naturajn riĉajojn de la lando kaj la honestan laboron de ties loĝantoj, de kiuj ili aĉetis la multekostajn felojn por neniajo.

Sekve de tiu komercado kreiĝis inter la ĉukĉa popolo certa diferenciĝo de klasoj. Aperis kulakoj, kiuj iĝis subteno por la koloniantoj. Tia estas Alitet, kies personeco estas pentrita per akre reliefigaj koloroj. Li aŭdacas en sia monavido rompi eĉ la praulan leĝon, kiu malpermesas al la ĉasisto alproprigi la kaptajon de alia ĉasisto. Li ŝtelas la bestojn trovitajn en la kaptilo de aliaj; li ŝtelas kaj vendas la vulpofelojn oferitajn al la dioj, li uzas ĉiajn pekajn rimedojn por pligrandigi sian havon; li donas al la anoj de sia tribo pruntojn je uzuro; li vendas kaj pruntedonas siajn edzinojn, kaj tiel plu.

Alitet estas la dekstra brako de la amerikano Charles Thomson, krimulo, kiu fuĝis de antaŭ la puno sur la duoninsulon Ĉukocki. Tie, kaŝante sian pasinton, li elrabas la popolon kaj faras bonegajn negocojn. En dudek jaroj, dum kiuj li ne forlasis la landon, li akumulis milionojn da dolaroj.

Ankaŭ la kontrabandisto Brown eltiras ne malmulte da mono el la ĉukĉoj. Li aĉetas de la naivaj kaj honestaj ĉasistoj la felojn por bagatela prezo kaj sendas tiujn al Ameriko.

Tiel okazas de jaro al jaro, ĝis en la malproksiman provincon penetras la sovjeta povo. Tiu forpelas de tie la ekspluatantojn, kiuj brutigis la ĉukĉojn per alkoholo kaj ilin prifriponis. Iom post iom fondiĝas tie nova vivo, la ĉukĉoj akiras instruon kaj kulturon, kreas por si skribon kaj literaturon, konstruas lernejojn ktp.

Sed la libro de Semuŝkin neniel estas nura etnografia studo. Li lumigas profunde kaj kun granda realeco la psikologion de la ĉukĉoj, popolo laborema, justa, sagaca, honesta kaj kuraĝa. La maljunulo Vaal kaj lia filo Rinteu; la fiera kaj inteligenta virino Tigrena, malgraŭvole edzinigita al Alitet; ŝia eksfianĉo kaj amiko de infanaĝo Aie; la filino de Thomson kaj de la ĉukĉino Rultina, la bela Mary, kaj ŝia amato Jarak fariĝas familiaraj al la leganto. Vere, la primitivan vivon de ĉi tiuj homaj estaĵoj oni legas ne kun la indiferenta scivolo pri distra ekzotiko, dum oni ekkonas iliajn barbarajn kutimojn: poligameco, maljunuloj sufokataj laŭ ilia propra peto por rapidigo de morto, ktp. Tute male, la leganto sin sentas kvazaŭ persone interesata pri tio, ke tiuj barbaraj transvivaĵoj estu ekstermitaj kiel eble plej rapide. Kaj kiam fine en 1923 aperas sur la duoninsulo la sovjetaj elsenditoj Los kaj Jukov, oni salutas ilin ĝoje, kiel alportantojn de nova vivo.

Los kaj Jukov gajnas la konfidon de la indiĝenoj. Ili establas novan regularon de komerco, favoran al la ĉukĉaj ĉasistoj. Iom post iom, paŝo post paŝo, ili kondukas la popolon al novaj kutimoj.

Thomson, por kiu ĉesis la eblo de la brilegaj negocoj, decidas forlasi la landon kaj porti kun si siajn felojn kaj sian kaŝatan trezoron. Alitet volas kuniri, allogite de la perspektivo, ke li mem povos vendi siajn felojn; li ankau rekonas, ke la tempo de la strabaj aferoj jam estas pasinta. Sed iliaj projektoj ne realiĝas. La barko, sur kiu ili veturas, rompiĝas. Thomson, tirita el la akvo, mortas de la sekvoj de tiu banado.

Ni ne scias, kio okazis al Alitet: ni forlasas lin dum la katastrofo, kiam li flosas kroĉiĝinte al tabulo de glacio. La aŭtoro verŝajne parolos pri li ankoraŭ en la dua volumo.

La verko de Samuŝkin allogas per sia sincereco. Ĝi estas verkita sen artifiko, tre simple. La naturo estas pentrita kun granda kompreno, tiel same, kiel la meteorologiaj kondiĉoj kaj iliaj efikoj al la homoj. La paĝoj pri la ĉaso de foko aŭ rosmaro estas kuntrenaj. Sed precipe la homoj estas plenaj de vivo. La aŭtoro, profunde penetrinte en ilian psikologion, analizas la kaŭzojn de iliaj naivaj kredoj kaj superstiĉoj; li montras ilian bonvolon kaj prudenton, dank' al kiu oni povas ilin eduki, kaj konduki, sen perforto, al nova vivo kaj kulturo. Ĉi-koncerne, karakteriza epizodo estas, kiam Los decidas sin kontraŭmeti al la terura kutimo sufoki la maljunulojn. Li sukcesas pruvi, ke tio estas ne „sankta rito", sed senutila krimo. Sed li ne perfortas la aferon: li komprenas, kiel grave estas venki en ĉefa punkto, farante provizorajn koncedojn sensignifajn. La maljunulo, kiun li persvadas rezigni pri la sufokado, kaj al kiu li promenas saniĝon, havas la grandan timon, ke la malbonaj spiritoj lin prenos pro tio en sian posedon. La sola rimedo trompi la malbonajn spiritojn estas la ŝanĝo de la nomo. Kaj Los asistas ĉe la ceremonio de la nomŝanĝo. Tiamaniere, iom post iom, fariĝas lumo en la animo de la ĉukĉoj.

La leganto fermas la libron certa pri tio, ke ne estos plu loko por Alitet-oj inter popolo, kiu ricevis la rajton vivi sian liberon vivon laŭ la libero kaj racio.

*L. B.*

**Diversaĵoj francaj.**

Etienne Gilson, profesoro de filozofio en Parizo, verkis eseon kun la titolo: *La poésie impure* (la nepura poezio). Gilson asertas, ke ĉiu poemo — se nur ĝi ne estas nura sonludo, tintado de sensencaj vortoj — estas transskribebla en prozon kaj havas ian intelektan enhavon, sekve ĉia poezio estas *nepura* (impure). Ankaŭ la kelkaj ŝvebaj poemoj de Mallarmé aŭ de Paul Valéry havas kompreneblan sencon; eĉ la versoj vekantaj ŝajne nur akustikajn, nedifineblajn efektojn estigas intelektajn asociacojn; poemon ja povas ĝui ankaŭ tiuj, kiuj ĝin ne

komprenas, sed ankoraŭ pli ĝuas ĝin tiuj, kiuj komprenas. Gilson mencias la „Poetikan Arton" de Boileau; la Vergilian „Georgicon", kiu „disertas" pri kamplaboro, vinberkulturo, laboro de brutoj, diligento de abeloj; la naturfilozofian poemon de Lucretius: „De rerum natura". La grandaj poetoj — Homero, Vergilio, Dante, Shakespeare, Victor Hugo, la „diafana kaj preciza" Baudelaire efikas, ankaŭ per la intelekta enhavo de sia poezio.

*

Ĝis nun oni kredis, ke *Flaubert* modlis sian *Madame Bovary* laŭ Adeline Delamare-Couturier. Sed nun fraŭlino *Leleu*, Rouen-a bibliotekistino, pruvis en literaturhistorio revuo — kaj eĉ baze de skribaĵoj el la postlaso de Flaubert — ke la Emma de la romano estis Louis d'Arcey, filino de akademiano, kaj edziniĝinta al la klasikema skulptisto Pradier. Louise edziniĝis en sia deksepa jaro, kaj ne el amo, kiel kutimas la virinburĝonoj, sed nur por liberiĝi de la patra rigoro, tiel same, kiel ankaŭ Emma feliĉigas la belesperan eturban doktoron nur por akiri agliberon. La bonvola sorto — imitante la elpensaĵojn de la beletristoj — forrabas de ŝi la sensignifan edzon en formo de ĥolera epidemio (1832). Nun do povas sekvi la fama artisto, al kiu poste Louise donacas tri infanojn. Sed la doma okupiĝo ankaŭ ŝin ne malhelpas ekzerci sian agliberon apud la skulptisto, amanto de marmoroj. Sole scienca fraŭlino povis priesplori tiel precize, kiom da amatoj, unu post la alia, apartenis al tiu virino: pentristo, kritikisto, profesoro, ree pentristo, poste aktoro, poste, kompreneble, forvelonta marist-oficiro, poste Dumas-filo mem, amiko de virinoj, poste heroa tenoro, kaj fine, neeviteble, buba junulo. Jen, vere, ega variado de amokupoj, ĉe kiu la du amoj de Madame Bovary estas kompleta asketismo.

*

La ekstrema memcentrismo de la ekzistismo jen ekhavis sian reakcion en la *epifanismo*. La manifeston de la nova spirita direkto subskribis *Henry Perruchot* kaj liaj amikoj. La adeptoj de la sekto havas sian kolektejon en la literatura kafejo apud Saint-Germain-des-Près. Laŭ ili la ekzistismo povas konduki nenien krom en la sinmortigon: la cirkonstanco, ke ĝiaj adeptoj ankoraŭ ne mortigis sin, pruvas nur la malfortecon de la teorio. Kion ankoraŭ atendas Sartre, dum per ĝustatempa harikirio li povus brile atesti pri la eminenteco de sia filozofio?

La epifanistoj ne kredas je la kristanismo, sed ankaŭ la marksismon ili ne akceptas, dirante, ke ĝi estas produkto de la eksmoda kapitalisma civilizacio. Nek la unu, nek la alia, sed la tria el inter tiuj du, jen la epifanismo! Kiel do iri sur tiu nova „tria vojo"? Tre simple, kiel tion al ni klarigas la jenaj senperaj vortoj: „La homo sereniĝu en sin mem, enpaŝu sin mem, kaptu sian esencon, por tiamaniere proksimiĝi al la esenco de la aĵoj!"

„Ovo de Kolumbo! — ekkrias la Goncourt-akademiano André Billy. — Domaĝe, ke pli frue ĝi ne venis en nian kapon!"

*

*Roger Garaudy* en sia nova libro: *Une litterature de fossoyeurs* (Literaturo de tombejskaraboj) kritikas la verkaĵoj de *Sartre, Malraux, Mauriac* kaj *Koestler*. Ĉi tiuj verkistoj diferencas en sia verkadmetodo kaj vidpunktoj, sed per sia literatura agado ili servas la celojn de la reakcio. Ĉiuj kvar, cetere, havas signifan pozicion en la franca literaturo. Ĝuste pro tio, precipe inter la junularo, pli kaj pli nervoze oni diskutas pri tiaj demandoj: „La mondkoncepto de Sartre estas reakcia, kiel do estas eble, ke li parolas ĉiam pri la libero?" — „Malraux estis revoluciulo, kiel li fariĝis do vasalo de de Gaulle?" — Garaudy respondas ĉi tiujn demandojn, kaj ne indigne aŭ dispute, sed kun ĝisprofunda analizo. Li prezentas la signifajn momentojn de la vivo de tiuj verkistoj, montras ilian medion kaj klason, eksplikas, kian bezonon ili kontentigas por si mem kaj por sia publiko, kaj per tio klarigas ilian sukceson. La libro estas valora armilo en la manoj de la de la progresema franca intelektularo.

*

La romano de *Edgar Morin* prezentas la tempojn post la liberiĝo, kaj volas montri tiun ĥaoson, en kiu baraktas parto de la franca junularo. En la romano temas pri junaj verkistoj, kiuj, nenifarante en kafejoj, estas cinikaj kaj brutalaj, volas indignigi la homojn per siaj skribaĵoj, eble kun la subkonscia intenco, turni la atenton de la mondo al ilia malespero, al ilia sensenca, malplena kaj sencela vivo. La ĉefheroo de la libro sin vundas kaj mortas ĉe la puriĝo de sia revolvero. Ankaŭ lia morto estas parabolo: oni kredas ke li mortigis sin mem, dum li estas viktimo de akcidento. Edgar Morin montras la perdiĝintan mondon de la burĝa liberalismo; tial liaj figuroj nek trovas, nek serĉas solvon. *J. S.*

**Kion deziras la infanoj?**

Dek kvar italaj verkistoj skribis leteron al infanoj. La skribon oni multobligis kaj sendis al pluraj landoj. La poetoj en tiu ĉi letero alvokis la malgrandajn adresitojn: ke tiuj skribu, pri siaj deziroj. Kaj ili promesis, ke ili klopodos plenumi tiujn infandezirojn. „Ju pli originala estos via deziro, des pli vi povos esperi, ke ĝi plenumiĝos ..." — promesis la poetoj. Jen kelkaj citoj el la leteroj: — Knabineto skribas el Kalabrio: „Mi volus ke, mia patro trovu laboron por si kaj ke li povu aĉeti manĝaĵon por mia patrineto, frateto kaj por mi." — Jen knabeto el la provinco Veneto: „Mi dezirus havi paron da ŝuoj, ĉar la malnovaj jam tute eluziĝis kaj miaj piedoj frostas kaj mia patro ne povas aĉeti por mi ŝuojn, ĉar delonge li senlaboras. Iu knabeto petis pecon da ĉokolado „por ke li almenaŭ povu flari, kia estas ĝia odoro ..."

Kvin el la respondintoj ricevis premion. Kiuj ili estis? Gabriella Locatelli, kiu deziris belan domon kun ĝardeno; la naujara Gudiger Kirker, kiu deziris viziti la tombon de sia avo, mortinta en la milito; la angla Thomas Root, tiu ĉi 12 jara knabeto, kiu deziris vidi la sikstinan kapelon, antaŭ ol ĝin ruiniĝos la atombombo; knabeto kun la nomo Fack, kiu deziris esti masonisto, kaj alĝeria knabineto, kiu revadis pri tio, ke foje eble ŝi povos rajdi sur sia propra azeno.

La itala gazeto „Voce Repubblicana", skribante pri la leteroj, konkludas: „Niaj infanoj perdis sian imagokapablon Ili tre rapidis kreski: tial tro frue ili maljuniĝis. Jam en la kvinjara aĝo ili komprenas kaj sentas ĉiun malfacilon kaj triston de la vivo, la signifon de la homaj suferoj. Ili vivas en la malĝoja atmosfero de la postmilita mondo."

*

En iu ĉambro de la Pionira Hejmo de Moskvo kolektiĝis 30 simplaj infanoj, havantaj diversan aĝon (9—13 jaroj), lernantaj en diversaj lernejoj: infanoj de laboristoj kaj de inĝenieroj, orfoj, infanoj de uzinaj laboristinoj, aŭ de oficistoj, filoj kaj filinoj de komercaj dungitoj kaj kuracistoj. Oni alvokis ilin: ili skribu pri siaj deziroj, sed tuj, sen antaŭpreparigo. La respondoj naskiĝis tre rapide:

Vagim Timasov, dekjara knabeto, skribas: „Mi volas inventi aparaton, kiu irus sur la tero, sur la akvo, sub la akvo kaj ankaŭ flugus. La maŝinon movus raketa motoro. Ĝi havus kurentolinian formon. Jen estas ĝia plano" Sur la posta flanko de la folio troviĝas la desegnaĵo de la maŝino kaj funda priskribo: kiel fermiĝas la flugiloj, kiel elendiĝas la radoj el la korpo de la maŝino, kiel staru la risortaro, por ke la maŝino „facile tuŝu la teron". Li priskribas eĉ, ke „la manipulantaro konsistas el ok personoj". — Saŝa Lurjo volas eltrovi, „kiel oni povus devigi la gigantan forton de la vulkanoj, ke ili servu la homaron". — Nina Zepnyek volus varmigi la akvon de la Norda Glacia Maro. — Ljuda Dobrovolskaja skribas: „Somere mi volus vojaĝi kun la pionir-trupo en la forajn regionoj de nia lando. Estus bone tie malkovri valoran metal-trovejon, por ke nia patrujo estu ankoraŭ pli riĉa." — Ljev Gureviĉ skribas mallonge: „Mi volas esti futbalisto kaj volas defendi la honoron de mia patrujo." — Jura Kovarskij skribas jene: „Mi volas, ke en neniu lernejo de nia lando troviĝu malbona lernanto, ĉiu infano atingu bonan rezulton kaj estu honesta patrioto." — Borja Kajinskij skribas: „El la naturo desegni la naturon — jen mia ĉefa deziro. Ho, kion mi donus por tio, se estus jam somero! Mi kredas, ke de mateno ĝis krepusko mi sidus kaj desegnus la rusan naturon. Ja nenio estas pli bela! Vi ne povas trovi lokon, kiu al vi ne plaĉus. Mi dezirus, ke rapide mi povu lerni la teknikon de la peniko kaj desegni." — La 12-jara Alla Laskina. skribas: „Mia deziro: mi volas, de en ĉiu lando de la mondo estu demokrata sistemo kaj ke sur la tero ne estu subpremantoj kaj subprematoj. Mi volas, ke ĉiu homo estu egala, vivu el sia laboro kaj estu justa."

Ŝajne tiuj ĉi infanoj ne vivas en la malĝoja atmosfero de la postmilita mondo. *K. Stelov.*

**Brandys — la premiito de Varsovio.**

La Ĉefurba Nacia Konsilantaro fiksis 200.000 zlotojn kiel literaturan premion por la plej bona verko dediĉita al Varsovio.

La juĝistaro unuanime decidis tiun ĉi premion al Kazimierz Brandys, unu el la plej enimentaj prozistoj de la juna generacio por verko el la vivo de Varsovio, troviĝinta sub la germana okupado, titolita „La Nevenkebla Urbo".

Naskiĝinta en 1916. en urbo Lódz, Brandys komencis sian literaturan agadon ankoraŭ en la antaŭmilita periodo. Li studis juron en la Varsovia Universitato, aktive partoprenis la socialistan studentan movadon. Eĥoj de liaj studentaj travivaĵoj oni povas trovi en liaj lastatempe publikigitaj noveloj.

Dum la okupado Brandys loĝis en Varsovio, kie li havis eblajojn ekkoni ĉiujn brilojn kaj ombrojn de la vivo en nia ĉefurbo. Post la liberiĝo de Polujo li baldaŭ famiĝis kiel juna verkisto, dank' al siaj verkoj, aperintaj en 1946: „Ligna Ĉevalo" kaj „La Urbo Nevenkebla"; por ĉi lasta li nun ricevis la premion de Varsovio. Tiu ĉi verko — kiel opiniis la juĝistaro — estas pleje ligita kun Varsovio kaj plej forte redonas la atmosferon de Varsovio dum la periodo de la okupado.

La enmanigo de la premio okazis en la solena kunsido de la Ĉefurba Nacia Konsilantaro la 19-an de februaro ĉe la kvara datreveno de konspiracio de la Urba Nacia Konsilantaro.

Jen estas fragmento el la libro de Brandys „La Urbo Nevenkebla", el la ĉapitro „En rebriloj de patoso", dediĉita al la varsovia insurekcio.

„Sur la korto oni kantas. Sub kaŝtanarboj, antaŭ kapeleto kun Dipatrino, areto de varsovia popolo sendas siajn oferojn al la ĉielo, rigidiĝinta en la nuba ruĝaĵo super la tegmentoj de la urbo. Sinjoro Szarski elrigardas el la deĵorejo kaj mi scias, ke li dezirus preĝi por la, frato, kiu ne alvenis el Podwale-strato. Mi dezirus ekvoki lin demalsupre kaj iel konsoli, sed li rigardas malgaje tra verdaĵo de folioj kaj ne rimarkas min. Ankaŭ preĝas la malgranda liganto Aglo kaj lia lada kasko balanciĝas, fiksita al rimenzono. Li kantas kune kun kolego: „Dio en la Trio Neperceptebla" kaj ili ambaŭ rigardas la kolombaron, kiu ekflugas de tegmento, timigita de ŝrapnelfajfado. La kolego havas dek jarojn kaj li alvenis el Malnova Urbparto kiel kaporalo. La unuan de augusto oni sendis lin al onklino preni terpomojn. — Mi eliris pro terpomoj — li rakontas al mi post la preĝo —

kaj trafis en la Liberan Polujon. — Post momento ambaŭ kunbatalantoj foriras en angulon de la korto, por trankvile povi ludi kun „bildetoj".

Varsovio — ĉiam obstina, neniam venkita. La plej tragedia el ĉiuj subjugitaj urboj, la plej dolorigita el la ĉefurboj. Tiuj ĉi stratoj ne la unuan fojon spertis la sorton de la senespera batalo. En la trideknaŭa jaro ili ekvidis la unuan sangon, verŝitan dum la granda milito por la homaj rajtoj kaj fumkolonojn el la unuaj trafitaj muroj. Tiu ĉi urbo ne la unuan fojon permesas elŝiri ŝtonojn el sia pavimo kaj renversi la ruĝan tramon, por ke ĝi ŝirmu la batalantajn knabojn, kiuj antaŭ nelonge ensaltis ĝin dum la kurado, kiam sonante, ĝi preterflugis. Sur tiuj ĉi stratoj eksonis la unuaj pafoj, punantaj krimulojn kaj perfidulojn, super tiuj ĉi tegmentoj ekbrulis obstinaj rebriloj de la juda kontraŭstaro dum la printempaj tagoj de Pasko. Varsovio. La urbo, kiu altiris la frenezan malamon de la leĝperfortantoj kaj furiozigis ĉiujn malbonestrojn, — kiu vekis la admiron kaj amon de ĉiuj polaj urboj. Kaj krome, ĉi tiujn stratojn neniam forlasis rideto, spritaĵo kaj humoro. „La unuan, malgraŭ ĉio, aperos Polio" — kriis dum iu el la okupadvintroj la malgranda petolulo, vendanta la gazeton sur ĉefstrato Marszalkowska. Mi pensis pri li kiel pri la auguristo, kiam la unuan de aŭgusto insurekcianoj ekhisis super la dompordegon ĉe strato Solec la blankruĝan standardon. Ili tiam kantis „Ankoraŭ Poluj' ne pereis", kaj la virinoj ploris. Male al racio, male al faktoj, „malgraŭ ĉio" la unuan aperis Polio.

Varsovio — neniam fleksebla. Mi vidis tiam insurekciajn pupetojn en ia malplena aŭtomobilejo, skulptitajn per la samaj manoj, kiuj konstruis barikadojn en Apudvistula Urbparto. La ridindan kanteton pri „Sinjorino el Kaŝejo" kantis baritonvoĉe la juna insurekciano, kaj la kolorigitaj figuretoj saltis, movataj de knaboj, kiuj la morgaŭan tagon devis ekbatali sub la fervoja ponto. Varsovio sciis pereadi sen falsaj gestoj."

*Isaj Dratwer.*

# RECENZO

**Lajos Zilahy:**
**Printempo de morto.**

La hungara verkisto Lajos Zilahy prezentas al ni en la nomita romano specon de novtempa Werther. El longega kaj nekredinde detalplena letero de sinmortigonto kaj el fina noto de ambulanca kuracisto ni ekscias jenon:

La heroo de la romano (ni nekonante lian nomon devas lin tiel titoli, kvankam lia konduto ne estis modelo de heroeco) estis filo de riĉa hungara terposedanto. Knabo belkreska, talenta kaj ambiciema, kaj post la morto de la gepatroj ankaŭ finance sendependa. Sur la malfermiĝanta vojo de lia vivo ne kuŝis obstakloj. Li havis ĉiujn ŝancojn, kiujn povas al juna viro proponi la naturo kaj favoraj sociaj kondiĉoj, ke li atingu la antaŭfiksitan celon, nome fariĝi politikisto. Li studis juron kaj akceptis postenon en la kulturministerio en Budapest. (Tamen ŝajnas, ke li en la ofico neniom laboris, eble eĉ ne laboretis. La liberala bonvolo kaj kredemo de liaj superuloj, kiam li oftege dum pluraj tagoj „malsanis" por povi postkuri siajn am-aferojn, estas almenaŭ suspektinda.)

Li konatiĝis kun Edit, filino de generalo von Ralben. De tiam li pasie, eĉ freneze klopodis edzinigi ŝin al si; unue, ĉar li vere amis ŝin, due ĉar li vidis, ke la edzeco malfermos al li la pordon al la politika kariero. Sed lia amo lin trompis: Edit fariĝis fianĉino de iu grafo. Tiel la korvundita heroo suferis la unuan malsukceson de sia vivo. Tiu ĉi — ni diru — banala epizodo rompis lian karakteron kaj kaŭzis la postan katastrofon. Li eksiĝis el la posteno kaj en ĉagrenplena animstato revenis al sia bieno. Kvankam li tiutempe trovis novan knabinon, la sinceran kaj fidelan Jozefan (estintan amatinon de iu maljuna parlamentano), li perdis jam la moralan ekvilibron. En ekskluziva klubo de aristokrata societo li poiome malgajnis per hazardaj kartludoj tutan sian havajon. Nur Jozefa lin tenis super la nivelo de la malespero. Tiam li ekamis ŝin kaj decidis edzinigi ŝin al si. Tamen antaŭ la edziĝtago revenis al li lia unua amatino Edit, proponante al li ne nur sian amon, sed eĉ lian estintan riĉaĵon, ĉar ŝi ĵus aĉetis lian heredan bienon kaj elpagis ĉiujn ŝuldojn. Kaj la heroo ne trovas alian eliron el la konflikto de la du amoj, ol revolveron.

En la antaŭparolo de la romano rakontas Ferenc Szilágyi pri la autoro, ke lia plej ofta temo estas la dekadenco de la meza socia klaso: la problemo, kiu estis kaj supozeble eĉ estos unu el la plej malfacilaj sociaj problemoj en Hungarlando. Ni tamen opinias, ke en la nuntempa vivo la homoj apenaŭ troviĝos en la situacioj de nia romanheroo: en la situacioj, kie apud la amindumado, amuzoj kaj — kompreneble — la korĉagrenoj preskaŭ ne estas loko por iom da efektiva peniga kaj tutan homon okupanta laboro. Kiom ni povas pririgardi la nunan mondon, la medio kaj la dram-personoj, kiujn pentras Lajos Zilahy en la Printempo de morto, apartenas jam al pasinteco.

Per tio ni ne volas nei la artan kompozicion kaj interesan scensekvon de la verko. Ĝi estas al ni prezentata en vigle fluanta Esperanto de Ladislao Somlai, en kiu nur tre malofta plumglitoj estas riproĉeblaj (ekzemple li diras: rotacii ion, anstataŭ rotaciigi; kunveturi iun, anstataŭ kunveturigi); sed tio estas en la tuta tre bona stilo nur bagatelaĵoj.

La libro aperis kiel kvina volumo de la literatura klubo Stelo-libro (Eldona societo Esperanto, Stockholm 19, Svedujo). La verko havas 120 paĝojn kaj kostas sv. kr. 6.50 broŝurita kaj 7.25 bindita.

*T. Pumpr.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Alabin 33.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

KROATIA Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/I.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfica*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19. Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11. 114 West 16-th Street.

---

Kiuj deziras reprezenti la „Esperanto Filmgrupo"-n en sia lando, bonvolu sin anonci grandnombre el ĉiuj landoj. Antwerpse-straat 45, Bergen op Zoom (Nederlando).

